IXª jaro. Nº 139 (3) ☆ Duonmonata ☆ 20 Februaro 1913

# ESPERANTO

**Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**

ABONO

| | | |
|---|---|---|
| **Jara abono** . . . . . . . . . . . . | **2. — Sm.** | (5 fr. —) |
| **Luksa eldono** . . . . . . . . . . . | **2. 50 Sm.** | (6 fr. 25) |

*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

| | | |
|---|---|---|
| **Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . | **20 Sd.** | (50 ct.) |
| **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . | **16 Sd.** | (40 ct.) |
| **Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . | **20 Sd.** | (50 ct.) |

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



# Garantia kapitalo de UEA.

## Alvoko

*Estimataj Samideanoj,*

*Per tiu ĉi alvoko la subskribintaj unuaj Garantiantoj sin turnas al ĉiuj Esperantistoj, petante, ke per unufoja valora donaco ili bonvolu subteni la celadon de UEA kaj ebligi al ĝi pliajn progresojn.*

*La kolektado de la Garantia Kapitalo estis unuanime aprobita de la lasta Kongreso de UEA kaj poste, konforme al la Statuto, voĉdonita de la Delegitoj. Tiu decido, same kiel la alia pri plialtigo de la kotizaĵo, sin bazas sur financa raporto, kiu per detalaj ciferoj pruvas la necesecon de pliaj enspezoj.*

*Kontraŭe al multaj societoj, UEA komencis sian agadon sen iu kapitalo; ĝi tiel restis sendependa de personaj influoj, sed aliparte tiu manko de sufiĉaj monrimedoj ĝenis ĝian internan disvolviĝon, malhelpis la efektiviĝon de plibonigoj en ĝiaj servoj, kaj malfaciligis ĝian eksteran propagandon. Dank'al la laboro, tiel konscience farita, kiel permesis la malfavoraj cirkonstancoj, UEA tamen sukcesis gajni en kvar jaroj pli ol 9000 membrojn, kiuj pli kaj pli kutimiĝas uzi ĝian servaron, sed ne estis eble same rapide realigi tiun favoron en formo utila al la kaso. Por la regulaj bezonoj de l'estontaj jaroj baldaŭ sufiĉos la plialtigita kotizaĵo, sed por la forigo de la antaŭa deficito kiel por novaj klopodoj, speciala kapitalo estas nepre necesa.*

*Laŭ la regularo (aperanta en la Jarlibro de 1913) la Garantia Kapitalo sumas **25.000** frankojn (10.000 Sm.) Ĝi estas dividata en **200** partoj; ĉiu parto estas reprezentata de numerigita atesto valoranta **125** frankojn (50 Sm.). Personoj, societoj kaj firmoj pretaj subteni UEA povas akiri unu aŭ plurajn el tiuj atestoj per promeso, en mendilo aŭ letero, kaj enpago de la sumo plej malfrue tri monatojn post la dato de l'promeso. Ni atentigas, ke krom tiu unufoja pago la Garantiantoj havas neniun devigon; precipe ili neniel estas persone respondaj por antaŭaj aŭ estontaj deficitoj. La Garantiantoj fariĝas dumvivaj membroj, estonte liberaj je ĉiu kotizaĵo, ricevas senpage dum sia vivo la gazeton ESPERANTO (luksa eldono) kaj aliajn oficialajn eldonaĵojn, rajtas per voĉdonoj kaj elekto de speciala administrantaro decidi pri la uzo de l'mono. La Esperantistaj organizaĵoj, kiuj akiros unu ateston, fariĝos Esperantiaj Entreprenoj dum tridek jaroj; la nespeciale Esperantistaj firmoj aŭ organizaĵoj akiras la saman rajton mendante du atestojn. La kapitalo, apartenanta al UEA, estos enpagata kaj administrata ĉe la Kantonalbank en Bern (ŝtata institucio). Pliajn detalojn pri la administrado kaj eventuala repago oni trovos en la regularo mem. Ni havas la plezuron anonci, ke per privataj klopodoj pli ol la duono de l'kapitalo estas jam plene promesita kaj pagota dum majo 1913.*

*La unuan fojon UEA sin turnas al la helpemo de siaj membroj kaj de ĉiuj Esperantistoj. Ni petas, ke per unufoja grava ofero, pri kies uzo ili cetere ĉiam havos kon-*

Plenajn kondiĉojn en la ... Ni tutkore esperas, ke U. E. A. ... trovos la necesan

*trolratojn, ili helpu por plibonigi la nunan financan situacion de nia Asocio kaj faciligi ĝian estontan agadon, kiu estas grava faktoro en la progresoj de Esperantismo.*

*Ni esperas, ke inter la miloj da Esperantistoj troviĝos la necesa areto de Garantiantoj, tiel ke ĝis nia venonta Kongreso la necesa sumo estu jam plene kolektita.*

**La Komitato de U E A.**

*La Administrantaro de la Garantia Kapitalo:*

*H. Bolingbroke Mudie, A. Carles, Ed. Stettler.*

**Listo de garantiantoj**

| | | Frankoj |
|---|---|---|
| 1. | Bolingbroke Mudie, London | 2500 |
| 2. | H. Hodler, Genève | 2500 |
| 3. | Ed. Stettler, Bern | 2500 |
| 4. | A. Carles, Béziers (Francujo) | 125 |
| 5. | F. Rockmann, Magdeburg | 125 |
| 6. | O. Graeger, Magdeburg | 125 |
| 7. | S. Millan Alonso, Madrid | 125 |
| 8. | J. F. Holmes, Bradford (Britujo) | 125 |
| 9. | C. Chandellier, Troyes | 125 |
| 10. | P. Linares, Cordoba | 250 |
| 11. | S. Szabuniewicz, Moskvo | 125 |
| 12. | J. Forestier, Genève | 125 |
| 13. | M. Rollet de l'Isle, Paris | 125 |
| 14. | Clarence Bicknell, Bordighera | 625 |
| 15. | F. Goodliffe, Letchworth (Britujo) | 250 |
| 16. | L. F. Newcomb, Cochaane (Kanado) | 125 |
| 17. | Szetmarjay Dezso, Budapest | 125 |
| 18. | J. Camescasse, Paris | 125 |
| 19. | S-ino Mary Pointer, St Neots (Britujo) | 250 |
| 20. | S-ino Anna Grineva, Staroĉerkask (Rusujo) | 125 |
| 21. | F. Moscheles, London | 125 |
| 22. | T. Soriano, Sevilla | 125 |
| 23. | F. Lucas, Genève | 125 |
| 24. | R. Maske, Dresden | 125 |
| 25. | L. Poncet, Lyon | 125 |
| 26. | A. Koĥ, Varsovio | 125 |
| 27. | E. Ehnis, Stuttgart | 125 |
| 28. | W. Pitt, Bath (Britujo) | 125 |
| 29. | D-ro W. Marchand, Davos-Dorf (Svisujo) | 125 |
| 30. | S-ino M. Tiard, Parc St Maur (Francujo) | 125 |
| 31. | Svisa Esperanta Societo, Bern | 125 |
| 32. | F. Wohlgrath, Genève | 125 |
| 33. | E. Blackett, Bath (Britujo) | 125 |
| 34. | D-ro Soulier, Lyon | 125 |
| 35. | Unio Sociokrata, Bahia (Brazilujo) | 125 |
| 36. | H. Huttin, Bourg (Francujo) | 125 |
| 37. | G. F. H. Clark, Wynberg (Sud-Afriko) | 125 |
| 38. | D-ro B. K. Ŝimonek, Chicago | 125 |
| 39. | F. Fleck, Genève | 125 |
| | Frankoj | 12.750 |

Entute 39 Garantiantoj mendintaj 103 atestojn, valoro 12.875 frankoj (5150 Sm.), pagotajn ĝis 31. majo 1913.

## Grava rimarko

Laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Tuj poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

---

NUNTEMPAĴOJ

# La mezaj klasoj

II

Kontraŭ la granda komerco kaj la magazenoj penis sin defendi la mezaj klasoj, precipe en la nordeŭropaj landoj, kie ili estas speciale minacataj. Ni mallonge ekzamenu tion, kion ili povis fari.

En Svedujo fondiĝis vasta asocio de malgrandaj industriistoj; ĝi jam atingis, ke la tiea Parlamento voĉdonu sumon de 200.000 kronoj, difinotan por pruntedonoj de 500 ĝis 5.000 kronoj je 4%, dum daŭro de ses jaroj, kaj repageblaj po kvinono, por ebligi la pliboniĝon de la ilaro de l'malgranda industrio.

En Nederlando ekzistas de dek jaroj diversaj asocioj. Kongreso de la mezaj klasoj okazis en 1902 kaj kreis federacion nomatan *Middesntandsbond*, kiu nun enhavas 115 asociojn kaj 31.000 membrojn. Ĝi jam fondis kooperativojn por aĉetado kaj organizis servon de informoj speciale pri procesoj. Post la kongreso en Maëstricht (1905) oficejoj estis starigataj por informi en fidinda maniero la malgrandajn komercistojn kaj industriistojn pri la pagopovo de iliaj klientoj, kaj ilin garantii kontraŭ monperdoj. La informoficejoj konigas al la membroj la malbonajn ŝuldantojn kaj precipe la klientojn, kiuj aĉetas kun la intenco neniam pagi. Aliaj oficejoj zorgas pri la repagigo de la ŝuldoj. Tiuj servoj tre efike agas por batali kontraŭ la malbonaj ŝuldantoj. En okazo de pagrifuzo ili estas enregistrataj sur „nigra“ listo konfidencie sendata al ĉiuj membroj. De 1905 ĝis 1910 tiu sola asocio okupiĝis je 5936 nepagitaj ŝuldoj kaj repagigis pli ol cent mil florenojn; dum la sama periodo la informoficejo de la sama asocio liveris proksimume 21.000 informojn.

La ŝtato helpis per la kreo de laborejo por la analizo kaj kontrolo de la komercaĵoj, per la organizo de servo de industriaj konsilantoj kaj per monhelpoj al kreditbankoj.

En Svisujo, la Unuiĝo de l'artoj kaj metioj kaj la Unuiĝo de la komerco kaj industrio ludis gravan rolon en la reorganizo de la laborlernado; ekzistas ankaŭ Unuiĝo de la agrikulturaj asocioj. La unua el tiuj grupiĝoj estas la plej grava; ĝi kalkulas 118 asociojn kun 50.000 membroj. Jen ĝia celado: reprezentado de la komunaj interesoj de la svisaj metioj; studoj kaj enketoj pri la situacio de la metioj en Svisujo kaj eksterlando; konsiloj al la aŭtoritatoj pri la metiaj demandoj; iniciatado de industriaj leĝaroj, reguligo de la industria kredito; industriaj paroladoj; eldonaĵoj pri metiaj demandoj; organizo de la svisaj ekzamenoj por laborlernado; dungado de junaj diplomitaj metiistoj. Tiu Unuiĝo rekomendas al siaj membroj la kooperativon de kredito, vendo kaj aĉeto de krudaj materialoj, sed ĝi kontraŭstaras al la konsuma kooperativo.

En Italujo la mezaj klasoj penas sin defendi precipe per la popolaj bankoj kaj kooperativoj. Krom 13.000 agrikulturaj kasoj ekzistas 1269 popolaj bankoj kun 638.000 membroj; ili pruntedonis 5 miliardojn al la komercistoj kaj industriistoj. La suma kapitalo de 700 bankoj atingas 108 milionojn da frankoj. En dek jaroj ĝi kreskis je 30 milionoj. Tamen neniu asociano povas posedi pli ol 2000 frankojn. La sumo de la deponoj, kiu triobliĝis en dek jaroj, superas 1 miliardon. La interezoj varias de 3 ĝis $3^1/_2$%.

En Aŭstrio la leĝoj de 1883 kaj 1907 restarigis la korporacian reĝimon. La mezaj klasoj sciis profiti tion. En 1910 ekzistis ĉirkaŭ 10.000 kooperativaj kreditkasoj por la

malgranda komerco kaj industrio. Ili ĝenerale estas prosperaj. Aliaj ekzistas por la aĉetado de la krudaj materialoj, la vendado kaj la produktado. Siaflanke la ŝtato fondis Oficejon por la disvolviĝo de la metioj, kiu laboras en tri fakoj: profesia kaj teknika instruado, helpo al la kooperativa organizo, plibonigo de la laborlernado. Tiu Oficejo havigas al metiaj kooperativaj societoj la ilaron bezonatan de iliaj membroj. Ĝi pruntedonas, je malaltaj interezoj, al la kooperativaj societoj kreitaj inter malgrandaj industriistoj por la komuna aĉetado, vendado aŭ produktado, por la faciligo de ilia instalo k. t. p. La kreditoj liveritaj de tiu Oficejo en diversaj formoj reprezentas sumon da 2 milionoj da kronoj.

Krom tio kreiĝis Oficejo por la malgranda kredito, statistika Oficejo por la malgranda industrio kaj, en Wien, entrepreno por la konstruado kaj instalado de laborejoj kaj loĝejoj ankaŭ por la malgranda industrio.

En Wien filantropo fondis magazenegon de la malgranda komerco kaj industrio, kiu grupigas 250 malgrandajn firmojn. Ĉiu kontoro apartenas al memstara firmo, kiu ne pagas fiksan lupagon sed kvaronjare donas 2 ĝis 5% de la bruta produkto de siaj vendoj; ĝi krom tio lasas garantion en banko. Kompense ĝi havas la jenajn profitojn: lumon, hejtadon, komunan reklamon kaj instalon. Tiu organizo similas tiun de magazenego, kies diversaj kontoroj estus ekspluatataj de memstaraj mastroj asocie kunigitaj.

En Aŭstrio la mezaj klasoj estas plej multe favorataj. Oni kalkulas pli ol 600.000 malgrandajn laborejojn, kiuj meznombre okupas 2 laboristojn — t. e. entute 1.300.000, sed tie ankaŭ la situacio de la proletariaro estas mizera, ĉar plej alta estas la procento de la laborantaj virinoj.

En Belgujo la ministerio de l'Industrio kaj Laboro kreis Oficejon de la mezaj klasoj, kiu celas kunigi la informojn pri la situacio de la malgrandaj metioj kaj ĝenerale de la personoj apartenantaj al la mezaj klasoj; ĝi ankaŭ okupas sin je la organizo de la laborlernado. Ekzistas entute 345 burĝaj asocioj, ĉu por vendado, ĉu por aĉetado, ĉu por fabrikado, ĉu por kredito.

En Germanujo la movado estas pli malnova. Per leĝo de 1895 Prusujo kreis centran kason de diskonto por ĉiuj kredit-asocioj. Ĝi ricevas monhelpon da 50 milionoj da markoj kaj ne donas dividendon. Kiel en Aŭstrio la mezaj klasoj profitis la restarigon de la korporacioj. El 1.300.000 ĉefmetiistoj, 512.700 apartenas al la korporacioj; ĉi tiuj fondis societojn por la aĉeto de kruda materialo, por la vendo kaj la kredito. Tamen oni konstatis, ke inter 1895 kaj 1907, 3,8 % de la malgrandaj memstaraj entreprenoj malaperis; kontraŭe, de 1882 ĝis 1895 la kresko estis 4,6 %. La ŝtata helpo do nenion utilis.

La ĉefa tipo de la grupiĝo por aĉetoj *(Erwerb- und Wirtschaft-Genossenschaft)* sidas en Weimar. Ĝia afercifero varias inter 15 ĝis 20 milionoj da markoj. Tiu organizaĵo nun kalkulas 150 asocianojn. Ni rimarku, ke en la urboj havantaj malpli ol 50.000 loĝantojn povas aliĝi nur unu asociano; por la pli gravaj urboj la estraro juĝas pri la nombro de asocianoj akcepteblaj. La asocio celas: 1e per la komuna aĉeto kaj la reciproka interŝanĝo de spertoj doni al la asocianoj la eblecon sukcese batali kontraŭ la grandkapitalaj entreprenoj; 2e praktiki komercan administradon konforman al la reguloj de la kristana juro kaj justeco por kontraŭbatali la mallojalan konkurencon. Neniu asociano povas posedi pli ol 10 akciojn (la akcio valoras 1000 markojn); li estas responda ĝis la duoblo de la subskribitaj akcioj. La sindikato liveras al siaj membroj la komercaĵojn je la kostoprezo. La premioj kaj rabatoj ricevitaj el la fabrikistoj je la fino de la jaro estas dispartigataj inter ĉiuj proporcie je la cifero de la aĉetoj. La administraj elspezoj estas pagataj de la asocianoj proporcie laŭ iliaj aĉetoj. Ĉiuj membroj ŝuldas al si reciprokan sinhelpadon. Ekzistas ankaŭ en Eisenach asocio por la aĉetoj de luksartikoloj kun 130 membroj, en Berlino asocio por la aĉetoj de horloĝartikoloj, 35 asocioj por la panistoj, 43 por la tajloroj, 48 por la ŝuistoj.

Vend-asocioj estis ankaŭ fondataj. Ili penis krei magazenegon de la malgranda komerco. La plej bona modelo ŝajnas esti la *Gewerbeverein* de Munĥeno, vendmagazeno de la sindikato de ĉiuj meblometioj. Du aŭ tri cent metiistoj dank'al ĝi ŝparas lupagon, lumon, reklamelspezojn. Tiu kolektiva magazeno gajnas 4 ĝis 500.000 markoj jare, t. e. ĉirkaŭ 2 ĝis 2500 markoj po asociano. Tiaj organizaĵoj ekzistas en diversaj lokoj; aparte citindaj estas tiuj en Köln kaj Leipzig.

En Francujo ankaŭ organiziĝis la mezaj klasoj, precipe pro la neceseco kontraŭbatali la laboristaran organizaĵon. En 1911 oni kalkulis 4742 sindikatojn de mastroj, kun 403,759 membroj, dispartigataj en 150 unuiĝoj. Tiuj profesiaj asocioj fondis societojn por la pogranda aĉeto de la krudaj materialoj, informoficejojn, servojn por enkasigo kaj procesagado, muzeo-ekspoziciojn, kredit-kasojn, dungoficejojn, ktp. Sed tiuj diversaj entreprenoj ĝenerale ne estas tre prosperaj kaj ofte nur vivetas. La agrikulturaj kredit-asocioj pli bone sukcesas. Ekzistas 3127 kasoj kun 150.000 partoprenantoj; ili jare pruntedonas 150 milionojn da frankoj.

Por rezisti al la industria kaj komerca koncentriĝo per la trustoj kaj la magazenegoj, la malgranda industrio kaj la malgranda komerco estas do devigataj siaflanke organiziĝi kaj koncentriĝi. Ĉu por la aĉeto, ĉu por la vendo, ĉu por la kredito ili asociiĝas en tia formo, kiu permesas al ili uzi la profitojn de la koncentriĝo kaj tamen konservas ilian memstarecon. Tiuj eksperimentoj estas tro freŝaj por ke oni povu eltiri certan konkludon. Tie ĉi ili ŝajnas sukcesi; aliloke ili nur vegetas kaj ne povis efike kontraŭbatali la magazenegojn. Ĉu la organizo de la mezaj klasoj — asociiĝo de memstaraj produktantoj aŭ komercistoj — akiros sufiĉan forton por sukcese rezisti al la granda industrio kaj al la granda komerco, tion montros nur la tempo. Ĉiuokaze estas klare montrite, ke la epoko de la izola produktanto kaj komercisto estas forpasinta precipe tie, kie plej multe progresis la tekniko. Nia moderna socio iras al ĉiam pli granda industria kai komerca koncentriĝo. La mezaj klasoj mem, kiuj ĉiam reprezentis la ekonomian individualismon, estos devigataj adaptiĝi al la formoj de koncentriĝo, se ili volas vivi.

*A. R.*



## SOCIA VIVO



### Impresoj el Ruslando

El Varsovio al Moskvo: vastaj, malgajaj kampoj, malhelaj arbaroj, ankoraŭ eble pli malgajaj, vilaĝeto maloftloke — kaj se oni tamen ian ekvidas — ĝi estas malriĉa, tuta el argilo kaj pajlo. Malriĉaj estas la rusaj vilaĝoj — ĉar tiu senlima surfaco da fruktodonaj kampoj apartenas al riĉa nobelaro. Oni ne vidas kampojn, dividitajn en vicon da multkoloraj zonoj, kie ĉiu fervore laboras, ĉar li scias, ke la kampopeco estas lia havaĵo kaj apartenos al lia posteularo; ĉi tie la popolo ne sentas amon al tiuj unuformaj kampoj, veraj latifundioj; ĝi kulturas ilin por la nobelo, kamplaboras sur ili, ĉar tio estas ĝia devo, por ke ĝi perlaboru al si kelke da kopekoj, sed ĝi ne laboras kun fervoro. Kial ĝi laborus diligente, ĝis lasta spiro, se ĝi ricevos rekompence sur la manplaton kelke da kopekoj kaj dekmilojn da rubloj profitos la mallaborema nobelo? Kaj tial oni trovas en Ruslando malĝojan spektaklon: en la kamparo estas tero, bonega tero, mizere kulturata; ĝi

povus produktadi centoblan profiton, kiel ĝenerale ruslanda tero, racie prilaborata sufiĉus elnutri Azion kaj Eŭropon — kaj dume ĉiumomente estas en Rusujo malsato; la popolo forlasas la kamparon kaj formigras al urboj. La ruslanda kamparo estas frapante maldense loĝata. Se oni veturas en centra Eŭropo per vagonaro, vilaĝo postsekvas vilaĝon, urbo urbon; ĉi tie vilaĝoj estas multe da horoj de si malproksimaj kaj urboj eĉ estas malofta aperaĵo. Kaj al tiuj mondofremdaj vilaĝoj kondukas mizeraj vojoj, urbo estas je granda distanco, interkomunikado poŝta aŭ alia ĝenerale ne ekzistas; tial la vivo en la ruslanda kamparo staras senmove. Malĝoja pro tio mi estis! Kio ĉi tie povus esti! Ĉe unua rigardo ĉio ŝajnas kiel ĉe ni,[1] sed oni vidu el pliproksime: ĉe ni homoj puraj, kombitaj, en ŝuoj, vestitaj, satigitaj, vivecaj, entreprenemaj, kun energio kaj memkonscio en la okuloj, kaj ĉi tie ĉio iel lacigita, dormema, mizera, ĉifonkovrita, neordema. Kaj kial? Parte mi jam aludis pri tio. Ĉi tie la pulso de l'vivo estas alia, ĉe ni ankaŭ alia. Ĉe ni — kiel ĉie en okcidenta Eŭropo — troviĝas densa reto da fervojoj, eĉ malgrandaj urbetoj estas fervoje kunligitaj kun la cetera mondo. En Ruslando kontraŭe tutaj vastaj regionoj estas kvazaŭ de la mondvivo fortranĉitaj, oni atentu ekz. pri tuta orienta Rusujo laŭlonge de Uralo. Eĉ da solidaj vojoj estas malmulte, kaj se komenciĝos pluvema vetero, nek piedire nek pere de veturilo oni povas veni antaŭen. Kaj sekve de tio la homoj estas devigataj al senlaboro, ĉio ripozas, industrio, komerco, agrikulturo — la energio de tutaj regionoj dronas en senfunda koto. Tial regas ĉiuloke silento, malgajo, senvivo, kvazaŭ oni enirus, domon, kie iu mortas. Homoj ĉirkaŭpaŝas neaŭdeble kun klinitaj kapoj, okuloj vualitaj per malĝojo kaj rezignacio.

Pro nesufiĉo da vivemeco, devigita al senlaboro, la ruslanda komparano rezonas, enpensiĝas, endormas, araneaĵoj tieldire ĉirkaŭteksas lian animon. Kaj tial li sopiras al la vivo per sencela nostalgio, malsanas pro senlaboro — kaj fine li indiferentiĝas, perdas interesiĝemon. Oni rememoras pri Oblomov, kiel ĉiam li kuŝadis sur sia sofo kaj oscedis. Rememoru pri „Ĉerizarbaro“ de Ĉeĥov; tie ankaŭ sufokas la homojn senlaboro, la nekapableco ion entrepreni, savi, kio estas kara por la homo. Plori, vekrii, malesperi povoscias la ruslandano tiel profunde, tiel kortuŝe, ke la koro batas al vi pli malrapide, sed ke li transiru al la agado, tion oni malfacile povas de li atendi. Rusoj sentas la superregadon de l'entreprenemaj judoj; sciante, ke ĉi tiuj prenis komercon kaj industrion en siajn manojn, ili konas kaj malamas ilian — kiel Rusoj kutimas diri — abomene nesatigeblan avidon al mono. Ruso *principe* ne amas judojn kaj germanojn, ĉar li ĝis nun ne atingis tiun gradon, ke li scias taksi la praktikan flankon de la vivo. Oni ne miras pro tio, ĉar en Rusujo ekzistis ĝis nun nura Oblomov'-eco. Kaj ĝiaj malĝojaj sekvoj aperas, kien ajn ni ekrigardos: en politiko, en kulturo, en nacia ekonomio, en industrio kaj komerco. Ja eĉ tie, kie jam estas kontakto kun la mondo ne vidiĝas tiu entreprenemo, tiu ĝojo al la laboro kiel aliloke. Ĉio estas premata de malvarma, senmova burokratismo. Rusa proverbo diras: Ju pli malrapide oni veturas, des pli frue oni faros la vojaĝ-distancon. Laŭ tio rusoj plej ofte kondutas; nur „medlenno“, malrapide, malbrue.

*(Daŭrigota).*

D-ro *J. Hostovsky.*
Trad.[2] *Ourybro* (Praha).

[1] La aŭtoro estas Ĉeĥo. *(Red.)*
[2] El *Samostatnost.*

## La problemo de Atlantis

*Antaŭparolo*

Jam de longe altiris la atenton de l'scienculoj la fakto, ke la nomoj de Meksikaj urboj, precipe tiuj de Jucatan, kiel. ekz. Mazatlan, Tapantla, Missantla, finiĝas per la sama afikso, je kiu komenciĝas la nomo de Oceano Atlantika. Kial la prakonstruaĵoj Meksikaj similas la Praegiptajn? Kial la praloĝantaro de Meksikujo havis precize la samajn piramidojn, kaj vazojn ornamitajn per la sama glazuraĵo, kiel la Egiptoj? Kial la civilizo de Praegipto estis tiel malsimila al ĉiu alia najbara civilizo? Same la prakreta kaj la Mykenea? Ja plie, kial parto de Meksikaj indianoj, la gento de „azetoj“, tiel frapante similas la vizaĝojn de Praegiptoj, kaj alia parto de ili al la Japanoj, tiom, ke laŭ la opinio de japanaj scienculoj tiuj ĉi apartenas rekte al la mongola raso? De kie devenas la hungara ornamarto, kiu, laŭ la opinio de nia mokita malfeliĉa Paulo Horti, tiom similas la praindianan ornamarton de Meksikujo, kaj tiu ĉi siavice egale la Ĥinan kaj Praegiptan?

Provizore ni lasu ĉi tiujn demandojn nerespondritaj kaj, antaŭ ol ni parolos pri D-ro Paulo Schliemann, pri la nepo de Henriko Schliemann, la elfosinto de Troja, ni devas ankoraŭ ion diri pri la legenda, sed jam retrovita Atlantis, pri tiu grava kontinento, kiu etendiĝis inter Eŭropo kaj Ameriko, kies restintaj eroj estas verŝajne la Azoraj insuloj, pri kiuj la pramondo havis tiel klarajn tradiciojn.

Terura destino, senekzemplaj tertremoj vizitadis ĉi tiun pramondon de admirinda civilizo, subakviginte la tuton kune kun ĝia multmiliona loĝantaro, el kiu eble nur kelke da centmiloj sin savis per ŝipoj. *Atlantis* estis tiu kontinento, kie la homa raso unue leviĝis el barbareco sur altan gradon de civilizo. Tiu elmortinta popolo, en la daŭro de miljaroj, fariĝis mondokupanta nacio. Ĝi koloniigis Egiptujon, la okcidentajn bordojn de Afriko kaj Eŭropo, la mezajn partojn de Ameriko, la bordojn de l'Meksika markolo, la valojn de Mississippi, Sudamerikon kaj la apudmarajn partojn de l'Balta-Nigra kaj Kaspia maroj. Tiu ĉi kontinento estis la lulilo de ĉiu homa kulturo kaj tiel la nia, kiel ankaŭ tiu de l'antikva mondo, estas rekta branĉo de l'Atlantisa kulturo.

Atlantisaj memoreroj troviĝas en la legendoj pri la biblia Eden-a ĝardeno, en la greka fabelo pri la ĝardeno de l'Hesperidoj, ĉe la skandinava „Asgard“ kaj la kelta „Fir n'Og“. La historio pri la superakvego, pri la rifuĝo, de Noao, kies famo ekzistas en la legendoj de ĉiu antikva kaj moderna popolraso, estas simple memoraĵo de tiu terurega katastrofo, kiu neniigis Atlantison kaj kies famon la rifuĝintoj disvastigis en la mondo. Eĉ plie, la dioj kaj diinoj de l'antikvaj Grekoj, Fenicioj, Hindoj kaj Skandinavoj estis simple reĝoj aŭ reĝinoj de Atlantis, kaj la faroj atribuataj al ili en la mitologio estas kolekto malklara de efektive okazintaj historiaj okazintaĵoj.

La religio de Egiptujo, Peruo kaj de la Jukatanaj „Maya-oj“, de tiu malaperinta raso, konstruis la entombiĝintajn urbojn de Centra Ameriko, sur kies ruinoj naskiĝis la regno „Azetoj“, estis la origina religio de Atlantis.

La plej malnova kolonio de Atlantis estis Egiptujo, kies civilizo estis nur provinca produkto de tiu de l'patrinlando. La ĝin sekvintaj plej malnovaj kolonioj estis Peruo kaj Centra Ameriko. La Fenicia ABC, kiu estas parenca al ĉiu Eŭropa ABC, devenis el la origina Atlantisa ABC, kiu en Jukatanlando atingis ankaŭ la „Maya“-n popolon. La simboloj de l'Egiptoj kaj tiuj de l'Meksika popolo „Maja“, devenis el la sama fonto kaj ilia simileco estas pli frapanta, pli granda, ol se ĝi povus esti aljuĝata al koincidoj hazardaj.

Ankaŭ Plato mencias la legendan Atlantison en siaj „Interparoladoj“. La egiptaj pastroj de l'Sais'a preĝejo ra-

kontis al Solono, la greka leĝisto, la tutan katastrofon de Atlantis, kiu laŭ ili okazis naŭ mil jarojn antaŭ Kristo.

Tiu giganta submara altebenaĵo, kiu sub la nomo „Delphin Ridge“ (delfena dorso) estas konata, kaj etendiĝas inter la gradoj 25—50 de l'norda longitudo kaj 25—50 de l'orienta latitudo, estas verŝajne nenio alia, ol restaĵo de l'subakviĝinta Atlantis. Tiel same ankaŭ la Azoraj insuloj.

Kiam Henriko Schliemann, la fama arĥeologo, esplorfosis en Troja, li trovis pliajn urbojn kuŝantajn unu sub la alia, ses aŭ sep urbojn. La sesa estis la Homera Troja, la dua tamen, kies Ciklopaj ruinoj estas bonege konservitaj, estas multe pli malnova, ol la greka Troja. Iuj taksas ĝian aĝon je dudek mil jaroj, ĉar inter ĝiaj ruinoj Schliemann trovis la faman vazon de „Atlantis Ĥronos“, ne nur estas certe, ke tiu ĉi dua urbo estis la ĉefurbo de l'Atlantisaj kolonioj, sed ankaŭ estas tre verŝajne, ke ankaŭ la patrinlando ekzistis ankoraŭ tiam, kiam oni fondis en tiu ĉi dua urbo la trezorejon.

Schliemann trovis inter la ruinoj nemezureblan ortrezoron, sed li trovis ankaŭ tian, kiu rilatas Atlantison, kaj ĉi tiun li gardadis en severa sekreto ĝis sia morto. Kiuj sekretoj estis ĉi tiuj, tion rakontas lia nepo al la „New-York World“. Li nur ĝenerale priskribas la mondekscitan sekreton, ĉar la detalojn li konservis por sia baldaŭ aperonta verko. Ĉi-sube mi komunikos sen ia mallongigo, tutamplekse, laŭmerite, tiun ĉi epokan sciencan okazintaĵon.

*(Daŭrigota.)* Trad.[1] *St. Schulz* (Del. Kasea).

## La terkulturado en Oldenburg

Kun granda intereso mi jam legis en tiu ĉi gazeto plurajn artikolojn pri terkulturaj kolonioj en diversaj landoj kaj mi opinias, ke utile estos kolekti internacian dokumentaron pri tiu ĉi temo. Espereble ankaŭ aliaj samideanoj sekvos baldaŭ. Dume, eble interesos la legantaron koncizaj informoj pri la koloniigo de Oldenburgo.

La grandduklando Oldenburg (Germanujo) enhavas ĉirkaŭ 5400 kvadrat-kilometrojn, de kiuj preskaŭ triono ne estas kulturita. La kulturado de tia granda landparto estas tial tre grava afero. Tiu ĉi laboro estas farata nur de la ŝtato mem; terkulturaj societoj ne ekzistas. La administrado fariĝas per la terkultura fako de l'ministerio de internaj aferoj, la ĝeneralsekretario estas kulturteknikisto, kiu havas kiel helpantojn kvar subteknikistojn. La centro de la administrado estas la ĉefurbo Oldenburg en la mezo de la lando.

La monrimedojn por la kulturlaboro ricevas la administrado per la ŝtato. Sed ekzistas ankaŭ propra kaso aŭ fondo, la terkultura fondo, kien fluas ĉiuj enspezoj de la nekulturitaj landpartoj laŭ leĝo de 1876. La unua sumo de tiuj ĉi enspezoj estas proksimume 25.000 Sm. Krom tio la terkultura fondo ankaŭ povas vendi nekulturitajn kampojn kaj ĝi ricevas de tio ankaŭ ne malgrandajn sumojn. Por aĉetado de pli grandaj kampoj la terkultura fondo prunteprenas monon, en la lastaj jaroj preskaŭ milionon da Sm., por kiu sumo ĝi nur pagas la procentojn.

Kiu nun volas aĉeti kampon por ĝin kulturi, ricevas de la terkultura fondo la kampon tuj kiel propraĵon; li ne devas pagi aĉetmonon, sed post dekjaroj nur malgrandan renton. La kondiĉoj de la kulturado estas nur jenaj: la koloniisto devas konstrui domon dum tri jaroj kaj kulturi sian kamparon dum dek jaroj. En kia maniero li konstruas la domon, kulturas la kamparon, estas tute libere. Kiu ne agas laŭ tiuj kondiĉoj, devas pagi la renton pli frue ol post 10 jaroj, aŭ povas redoni sian kamparon. Sed tio fariĝas nur tre malofte.

Por helpi la koloniiston en la komenco, li povas ricevi monrimedojn por la domkonstruado kaj la terkulturado; sed li devas nun tuj pagi interezojn. En la nuna tempo preskaŭ neniu domo estas konstruata, por kiu la ŝtato, aŭ pli precize la ŝtata kreditejo ne pagis monrimedojn, ĝis 2250 Sm. Do la kulturistoj ne nur ne pagas sumon por la kampoj, sed eĉ ricevas monon ĝis 50 Sm. po hektaro.

Kio estas la sukceso de tiu ĉi laboro? De post la jaro 1900 la ŝtato fondis 743 koloniojn, kiuj enhavas 6000 hektarojn. Se oni kalkulas kvin kapojn po familio, preskaŭ 4000 homoj trovis novan hejmon en erikejo kaj marĉejo. En la jaro 1909 oni fondis 77 koloniojn, en 1910 (134 kaj en 1911) 143. En la jaro 1907 la dezertaj kampoj ampleksis ankoraŭ 175.000 hektarojn, sed kvin jarojn antaŭe 195.000 hektarojn; en ĉiu jaro do oni kulturis 4000, kaj oni povas supozi, ke post 30 jaroj la lasta erikejo, la lasta marĉejo dezerta en la Oldenburga lando estos forigita.

D-ro *M. Popp* (Oldenburg).

## La kuracado de la pulma tuberkulozo

II

La farita skiza studo aplikiĝas je la individuo. Sed oni scias, ke la tuberkulozo estas precipe *socia malsano.* Tio signifas, ke la kondiĉoj kiuj faciligas la ĝermiĝon de la tuberkulozo kaj ankaŭ, laŭ mia opinio, la modifiĝojn de la medio, estas ligataj mem al la organizo de la socia vivo. Oni ofte diris, ke la tuberkulozo estas malsano de malriĉuloj, kiu kuraciĝas nur ĉe riĉuloj; en tio ĉi kuŝas bedaŭrinde granda parto de vero.

La riĉaj aŭ mezriĉaj homoj, kiuj scias vivi en higienaj kondiĉoj, kiuj pro sia vivmaniero ne elmetiĝas al ripetitaj infektoj, kiuj frue povas vizitigi sian infanon per taŭga kuracisto, je la unua signo de malsano, kaj kiuj, en okazo de infektiĝo, povas praktiki aer- kaj ripozkuracadon, estas efektive malgranda parto en la nombro de la mortoj pro tuberkulozo. Sed la laboristo, la oficisto, ilia edzino kaj iliaj infanoj ne havas la eblon elekti siajn laborkondiĉojn kaj vivmanieron. La infano infektiĝas per nekuirita lakto; pli malfrue la lernejo, malbone aerumita, saturita je polvo, malfortigas lin, precipe se oni ne kontrolas lian kreskon (malbona lumo, skribtablo netaŭga por la talio). La laborejo, la senaeraj, ne malinfektitaj oficejoj, la mizeraj loĝejoj, la nesufiĉa nutrado kiun malfaciligas la plikariĝo de la vivo, la progresoj de alkoholismo, estas faktoroj, kiuj ruinigas la organismon kaj igas ĝin preta por akcepti la malsanigajn ĝermojn. Nur la leĝoj povas tie interveni por modifigi tiun staton, kiun ebligas malbone faritaj aŭ ne obeitaj leĝoj aŭ, pli simple, la manko de specialaj leĝoj.

Anglujo povis malplimultigi la mortojn pro tuberkulozo malkonstruante malsanigajn kvartalojn kaj favorante la viandkonsumadon ĉe la laboristoj. Pli malfrue, kiam la signoj de la tuberkulozo aperas, ĉu la socio ne havas la devon malhelpi ĝian disvolviĝon? Sed tiam pli malfacila fariĝas la problemo. Ekzistas, ekzemple en Francujo 80.000 malriĉaj tuberkulozuloj. Kion povas fari la socio? Grava kaj dolora problemo. Germanujo kredis, ke ĝi povas solvi ĝin multigante la sanatoriojn kaj partoprenigante je la elspezoj la tie potencajn asekurkompaniojn kontraŭ la malsanoj. Francujo riskis sekvi la saman vojon, sed la efektivigo de tiu solvo postulus tiom da mono, ke oni devis ĝin forlasi. La starigo de sufiĉe multnombraj popolaj sanatorioj en Francujo necesigus kapitalon de unu miliardo kaj jarajn elspezojn da 300 milionoj da frankojn. Se al tio oni aldonus la monhelpojn al la familioj de la tuberkulozuloj, la kvarono de la franca buĝeto estus uzata. Plie, tio ne solvus la de-

[1] El gazeto *Pesti Hirlap.*

mandon. La personoj elirantaj el la sanatorio post kelkmonata restado ofte perdis 40 aŭ 60% de sia laborkapablo kaj estas elmetataj al la risko de remalsaniĝo, kiam ili denove kontaktas kun la medio, ĉe kiu ili malsaniĝis.

Mi estas konvinkita, ke la socia kontraŭtuberkuloza agado povas atingi efikajn rezultatojn nur per la organizado de la individua kuracado; la sanatorion oni lasu al la riĉaj aŭ mezriĉaj personoj, kiuj povas tie restadi dum longa tempo kaj post pliboniĝo povas ĉiutage prizorgi kaj kontroli sian sanstaton. Resume, jen kiel mi komprenas la oficialan agadon por la kuracado de la laborista tuberkulozo: ofta kuracista ekzameno de ĉiuj individuoj komune laborantaj. Antaŭforiga kuracado de la tuberkulozemaj laboristoj per konsiloj donataj en la kontraŭtuberkulozaj senpagaj konsultoj. Se oni konstatas komencon de tuberkulozo, kuracado ĉe la hospitalo per senpagaj konsultoj, malinfekto de la loĝejo, plibonigo de la nutrado, konsiloj al la familio pri la hejma higieno kaj la evitado de l'infektiĝo.

En la nuna stato, oni ne povas fari pli multe. Tio estas malmulte kompare kun la grandega tasko plenumota. Sed ĝi estas tamen io atentinda — la atingitaj rezultatoj tion pruvas. Dank'al tio, la publiko iom post iom edukiĝas pri la tuberkuloza danĝero. Koni la malbonon, en tiu kampo, estas jam grava parto, ĉar oni sciu kaj ripetu, ke la progresoj de la tuberkulozo estas kaŭzataj ne nur de la mizero sed ankaŭ de la nescio.

P-ro *Albert Robin*
Membro de la franca Medicina Akademio
Trad. *A. R.*

## La estonteco de Palestino

Pola turisto, S-ro J. Kruszynski, verkis interesan artikolon pri Palestino. Li rememorigas, ke Palestino iam havis grandan valoron politikan kaj komercan. Dank' al sia geografia situacio ĝi estis nodo de gravaj komunikvojoj inter antikvaj civilizitaj popoloj. Asirio havis nenian alian vojon al Mediteraneo kaj Egiptujo krom la tra-palestina. Egiptoj por siaj konkeraj militoj kontraŭ aziaj popoloj ankaŭ devis marŝi tra Palestinon. En ĝi kruciĝis vojoj de armeoj kaj de komercaj karavanoj. Post multaj jarcentoj Palestino ludis altvaloran rolon, kiel la Sankta Tero de kristanoj. Nun, en sekvo de longa turka mastrumado, ĝi estas lando malriĉa, preskaŭ dezerta, politike malgrava, sed tio ĉi ŝanĝiĝos; la socia kaj politika valoro de la Sankta Tero baldaŭ denove ekkreskos kaj fariĝos afero internacia. Ĉi tiu lando posedas bonajn kondiĉojn por terkultura kaj entute por fruktodona homa laborado. La tombo de Kristo estas kaŭzo, ke pri ĝia estonteco nepre zorgas popoloj kristanaj kaj de la dua flanko inter Judoj de la tuta mondo evoluas celado reveni en Palestinon, sian prapatrujon. En 1873 estis en Jeruzalemo apenaŭ kelkcentoj da Judoj. En 1878 en tuta Palestino estis 34.000, en 1907 55.000, en 1909 95.000 kaj en ĉi tiu nombro 7000 terkulturistoj. La plej lasta statistiko aperigas en Jeruzalemo 55.000 Judojn (66%) kaj eĉ pli altan procenton en apudmara Jaffo. La Judoj fondis en Palestino malsanulejojn, lernejojn kaj diversajn instituciojn, kiuj donas al iliaj enmigrantoj rifuĝon kaj helpon. Preskaŭ la tuta komerco en Jeruzalemo kaj Jaffo estas nun en iliaj manoj. Ili, por fiksi tie sian ekzistadon, serioze intencas koloniigi Palestinon, agas plane kun forta streĉado de volo kaj persisteco. Oni zorge penadas rekutimigi Judojn al terkulturado. Proksime de Jaffo oni fondis agrikulturan lernejon kaj ankaŭ teknikan. En valo Ezdrelon kaj en aliaj lokoj ekzistas jam kelkaj dekoj da kolonioj bonege aranĝitaj kaj prospere mastrumataj. Ekzemple la kolonio Riŝon Sion posedis en 1907 ĉirkaŭ 500.000 vinarbustajn markotojn, pli ol 4000 olivarbojn kaj la saman nombron da oranĝarboj. En 1910 oni fondis apud Jaffo gimnazion kies lingvo estas la antikva hebrea kaj kies lernantoj venas el ĉiuj partoj de la terglobo. Ju pli proksime minacas al Turkujo la dispartigo, des pli proksima estas la apero de internacia Palestina demando.

Tr. *J. Chankowsky*, (Subdel. Novo-Minsk).

# ✿ NOTOJ ✿

∴ **La sporto ĉe la Nacia Svisa Ekspozicio en Bern.** — La Nacia Svisa Ekspozicio en Bern, kiu daŭros de majo ĝis oktobro 1914, rezervas por la sporto lokon multe pli gravan, ol la ĝisnunaj tiaspecaj ekspozicioj. La sporto, la sportaj iloj kaj la sporta literaturo estos kunigataj en speciala sekcio, kiu ankaŭ entenos la alpajn sportojn.

Cetere por ebligi la prezenton al la vizitantoj de la diversaj sportoj, oni aranĝos stadion en plej bona loko de la ekspozicio, kontraŭ la blankaj Bern'aj Alpoj. — *L. P.* (L.).

∴ **Simpligo de la Franca Ortografio.** — La metodo de S-ro Jean Barès por simpligo de la franca ortografio nepre estas metodo de reguligo, unuigo, forigo de esceptoj. Jen raporto pri ĝi la gazeto *Le Réformiste.*

1e Anstataŭigi en ĉiuj okazoj la literojn *ph, th, rh, ch* (kun sono de *k*) kaj *y* (greka) per *f, t, r, c* kaj *i*, kiuj jam anstataŭas ilin en parto de niaj vortoj. Tiel oni skribu: *fénomène, téâtre, réteur, colèra, fisique.* Se *ch* (kun sono de *k*) estas antaŭ *e* aŭ *i*, oni anstataŭigu ĝin per *k* kaj oni skribu *kirografaire* kiel *kilogramme.*

2e *Y* estos uzata nur: kiel duobla *i: royal;* kiel pronomo: je m'y applique; kiel adverbo: j'y vais, kaj en propraj nomoj, kies ortografio restos neŝanĝita.

3e Forigi en ĉiuj okazoj la duoblajn konsonantojn *f, t* kaj *p*, kiuj, laŭ la Vortaro de la Akademio, devas ĉiam esti unuoble elparolataj.

Tiel oni skribu *je cachète* kaj *carote* kun unu *t*, kiel *j'achète* kaj *compote; soufler* kaj *sifler* kun unu *f*, kiel *boursoufler* kaj *persifler; trape* kaj *apétit* ankaŭ kun unu *p*, kiel *chaussetrape, atraper* kaj *apéritif.*

Por ĉio cetera la ortografio de *Le Reformiste* estas sama kiel la akademia ortografio. — Trad. *C. Chandelliez.*

∴ **Pri Francaj Universitatoj.** — Laŭ decido de la Ministro de l'Publika Instruado en Franclando, la ĵaŭdon 29 majo en ĉiu Fakultato komenciĝos kunsida periodo de ekzameno por nefrancaj studentoj, kiuj devenas el landoj, kie la duagrada instruado ne estas organizita ekvivalente je la duagrada instruado en Franclando, kaj kiuj deziras enregistriĝi ĉe la Fakultatoj aŭ lernejoj de superagrada instruado en Franclando. — *L. P.* (L.)

∴ **Internacia Unuiĝo de l'Gazetistaj Asocioj.** — La Komitato de la Internacia Unuiĝo de l'Gazetistaj Asocioj ĵus kunsidis en Paris sub prezido de S-ro W. Singer (Wien). Post serioza studado kaj decidoj pri interesaj demandoj de la tagordo, ĝi decidis, laŭ invito de l'nederlanda gazetistaro, ke la XVI-a Internacia Kongreso de l'Gazetistaro okazos en den Haag, sub patroneco de la nederlanda registaro, dum la unua duono de septembro 1913. Cetere ĝi konsentis, responde al deziro de la belga gazetistaro, ke la Kongresanoj haltos en Gent, kie akceptoj kaj festoj estos al ili dediĉataj, antaŭ la malfermo de la Kongreso. — *L. P.* (L.)

∴ **Internaciaj infanaj festoj en Paris.** — La estraro de la Urba Konsilantaro de Paris akceptis de S-ro Lajarrige projekton pri organizo de popolaj festoj de la infanaro dum proksima majo en Paris. Tiuj festoj estus internaciaj: la grandaj urboj en Franclando tien sendus gelernantojn el siaj lernejoj, kaj same la grandaj urboj de la fremdaj landoj, kies reprezentantoj estis gastigataj de l'Paris'a Urbestraro dum la lastaj jaroj. — *L. P.* (L.)

# LITERATURO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Rekomendo de la Akademio.** (El Oficiala Gazeto). — La ĉi-subaj konsiloj tro similas al la principoj, kiujn mi ĉiam obeis dum la pasintaj du jaroj kaj al la rekomendoj, kiujn mi ofte permesis al mi fari al la esperantaj verkistoj, por ke mi ne represigu ilin kun la plej granda plezuro:

„La Akademio, — rimarkinte kun bedaŭro, ke ofte aperas esperantaj verkoj, kiuj, enhavas multajn lingvajn erarojn; ke, por diversaj kaŭzoj, tiuj verkoj ne estas sufiĉe severe recenzataj de la esperanta gazetaro, kaj ke tiu nesevereco estas trompo por la publiko kaj povas malutili la evoluon de nia lingvo, donante al la publiko malbonajn ekzemplojn; — rekomendas: „al la gazetaj recenzistoj, ke ili estu pli severaj, kaj ke ili ĉiam zorge notu la lingvajn erarojn, kiujn enhavas la recenzitaj verkoj; — al la verkistoj, ke ili ĉiam legigu siajn verkojn, antaŭ la eldonado, ĉu de iu kompetenta Lingvo-komitatano, ĉu de iu kritikista komitato; al la Naciaj Societoj, ke ili interkonsentu kun la Naciaj Subkomitatoj de la L. K., nun fondataj por starigi, kiel jam faris la B. E. A., tiujn kritikistajn komitatojn, al kiuj la verkintoj kaj la eldonistoj povos sin turni por esplorigi la publikigotajn verkojn kaj ricevi ian garantion pri ilia lingva korekteco."

La *franca* kritikista subkomitato ankaŭ estas nun definitive starigita kaj la verkistoj kaj eldonistoj povas sin turni al S-ro M.-J. Evrot (Verto), licea profesoro, 8, Avenue du Comte Vert (Chambéry, Francujo), oficiale komisiita por starigi tiun kritikistaron.

* * *

*Grosjean-Maupin:* **Dictionnaire complet français-esperanto,** librairie Hachette, 1913, Paris. Prezo: Sm. 2,40.

Mi sufiĉe mallaŭdis la kompletan Esperanto-francan vortaron de S-ro G. M. (kaj ne ŝanĝiĝis mia opinio pri tiu erarpeco de talenta spirito) por ke oni ne riproĉu al mi reklamemon aŭ troan indulgemon, kiam mi diros, ke la kompleta franc-esperanta vortaro de la sama aŭtoro estas tiom bona, kiom malbona estas la unua. Efektive la nova vortaro, rezultato de grandega, serioza kaj metoda laborado kaj de pli intima kompreno de nia lingvo, enhavas preskaŭ nur radikojn akceptitajn de Zamenhof kaj de plej kompetentaj aŭtoroj. Eĉ S-ro G. M. kuraĝis forstreki multon da radikoj, kiujn oni renkontas en la diversaj antaŭe aperintaj vortaroj. Ne mi ja riproĉos al li tian severecon!

Ĉiu donita radiko, krom la fundamentaj kaj oficialaj, ĉeportas specialan signon (literon, ciferon), kiu montras ĝian patron aŭ respondanton. Tiel la uzantoj povas taksi mem la valoron kaj rekomendindecon de ĉiu radiko kaj sin ŝirmi per la pluvombrelo de la plej famaj verkistoj, D-ro Zamenhof, Kabe, Chavet, k. a. Pri kelkaj longe diskutitaj vortoj, kiel *menso, fono,* prave diras S-ro G. M. „Ĉiu lingva demando estas antaŭ ĉio demando pri uzateco kaj praktikeco; ne grava estas la scienca, teoria, etimologia vidpunkto. Sufiĉegas, ke ĉiuj uzu la samajn formojn."

Aparte rimarkindaj estas la artikoletoj pri la ĉefaj francaj prepozicioj, ekz. *à, de, en, pour,* k. t. p., kiujn la vortaristo videble traktis kun speciala zorgemeco kaj amo. Multaj ankaŭ estas la galicismoj, dirmanieroj, proverbaj esprimoj tradukitaj aŭ almenaŭ klarigitaj. Multaj estas la frazeroj eltiritaj el la Zamenhofa verkaro.

Eble ĉiuj esperantistoj-verkistoj ne blinde akceptos ĉiujn proponitajn tradukojn; sed vero estas, ke S-ro G. M. „bone montris al la uzantoj la vojon sekvotan, por ke ili trovu mem la plej trafan tradukon."

Kvankam la franc-esperanta vortaro konsistas el 666 paĝoj (kun la antaŭparolo), tamen, ĉar oni ĝin presis per tre legeblaj literoj, sur hinda maldikega papero, ĝia dikeco ne superas 25mm.

Mi sincere kaj plezure gratulas S-on Grosjean-Maupin por tiu altvalora sciencellaborita verko.

* * *

*Tom Gallon.* **Tatterley, la historio de mortinto,** trad. el la angla lingvo Andrew Wilson. — British Esp.-Association, 133—136 High Holborn, W. C. London. Prezo: Sm. 0,75.

Tre interesis min la legado de tiu romano. Kvankam la verko ne estas „klasika", tamen multaj ĉapitroj estas klasike verkitaj kaj la stilo plej agrabla.

La deirpunkto de la agado estas sendube iom fantazia kaj neverŝajna, sed la verkisto ĝin tre lerte akceptigas en la komenco de la rakonto kaj poste la agado logike, vigle kaj pli kaj pli dramece disvolviĝadas.

Kaleb Fry estas maljuna financisto en London City; li vivas nur por akiri monon, lia koro malmoliĝis. Li loĝas mizantrope en la kvartalo Bloomsbury, sola kun sia samaĝa servisto, Tatterley, kies korpa kaj vizaĝa simileco kun lia mastro estas stranga.

Donald Brett, nevo de Kaleb Fry, estas juna laborema artisto. Ĉar li ne kondutas laŭ la monakiraj principoj de Kaleb Fry kaj rifuzas kun indigno forsendi sian malriĉan fianĉinon, F-ino Tarrant, lia onklo lin malbenas kaj faras testamenton, per kiu li heredigas sian tutan riĉaĵon al iu kuzo Hektor Kindon, egoistulo, kiu lerte flatis liajn maniojn.

La servisto subite mortas. Tiam humorplena ideo naskiĝas en la cerbo de Kaleb Fry. „Li tute interŝanĝas vestaĵojn al la mortinto, zorgege lasinte nenion sur si aŭ sur Tatterley, kion antaŭe li portis. Poste li aranĝas la kadavron laŭ ĝia originala pozo kaj ekstaras ĝin rigardante kun maldolĉa rideto sur la vizaĝo... Li kvazaŭ postsaltis pro miro, sin vidante per la alta antikva spegulo sur la kamenbreto. „Dio mia!", li flustris, iom timigita. „Tatterley reveninta denove al la vivado!"

Oni enterigas la serviston, kredante enterigi la mastron. Kuzo Hektor fariĝas tutheredanto. Li forpelas la falsan Tatterley, kiu trovas rifuĝejon, konsolon kaj amikecon nur ĉe Donald Brett edziĝinta kun F-ino Tarrant. La priskriboj de la amsentoj de la juna paro kaj la respektaj zorgoj, per kiuj ili dorlotas la homon, kiun ili opinias esti nur la maljuna servisto de la mortinta onklo Kaleb, estas eble la plej ĉarmaj kaj kortuŝaj paĝoj en la romano.

Kompreneble, mi ne volas ĝin detale rakonti. Ĝin legante, vi vidos kiel la falsa Tatterley iom post iom estas allogata kaj plibonigata de la sinceraj, malprofitemaj, bonkoraj animoj de la junaj geedzoj; kiel li bedaŭras, ke li tiel malprudente kaj senreprene heredigis la egoistan maldelikatan Kindon; kiel li dum kelkaj tagoj refariĝas lertega financisto kaj regajnas multe da mono, kiun li anonime testamentas al Donald Brett; kiel li fine (ne ŝajne) mortas en feliĉeco, kompreninte, ke ne la riĉaĵoj, ne la povo, ne la timo al vi estas la aferoj plej gravaj kaj havindaj. „Estas io pli bona, pli bela kaj pli dolĉa ol ĉio tio, — io kion ni lernas per maldolĉeco kaj per multe da malfeliĉo."

Mi rimarkis nur malmultajn preseraroin: *mamono,* p. 26, 121, (malmono, senmoneco), mi esperas ke *ne* estas nenio (p. 37). Kelkfoje la stilo estas iom malklara, eble pro tro laŭvorta traduko de anglaj dirmanieroj. Tamen mi povas diri, ke la stilo de tiu traduko estas bona, eĉ ofte bonega. Vere la legemuloj, kiuj mendos tiun libron, ne plendos, ke ili malbonuzis sian monon. *Verto.*

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

De W. v. GOETHE

Trad. *P. Usinger*

„Ĝi estas decidita, Ĥanjo; mi volas morti kaj ĉi tion mi skribas al vi sen romantika ekscentreco, trankvile, je la mateno de tiu tago, kiam mi vidos vin la lastan fojon. Kiam vi legos ĉi tion, mia plej kara, tiam la malvarma tombo kovros la rigidiĝintajn restaĵojn de la maltrankvilulo, malfeliĉulo, kiu por la lastaj momentoj de sia vivo scias nenian pli grandan dolĉaĵon ol interparoli kun vi. Mi havis nokton teruran kaj, ha, nokton bonfarintan. Estas ĝi, kiu firmigis, fiksis mian decidon: mi volas morti! Kiam hieraŭ mi ŝiris min de vi, en la plej terura ribelo de miaj sentoj, kiam ĉio ĉi premis sin al mia koro kaj mia senespera, senĝoja estado apud vi atakis min kun terura malvarmeco: apenaŭ mi ekvenis en mian ĉambron, mi ĵetis min teren konsternite kaj, ho Dio! vi donacis al mi la lastan refreŝigon de la plej maldolĉaj larmoj! Mil pensoj, mil esperoj furiozis tra mia animo kaj firme ĝi staris, la lasta sola penso: mi volas morti! — Mi kuŝiĝis kaj matene, en la trankvileco de la vekiĝo, ĝi ankoraŭ firme, ankoraŭ tute firme staras en mia koro: mi volas morti! — Ne estas malespero, estas certeco, ke mi alsuferis kaj mi oferos min por vi. Jes, Ĥanjo, kial mi devus silenti ĝin? Unu el ni tri devas for, kaj mi volas esti tiu! Plej bona mia! en tiu ĉi koro disŝirita ĝi furioze iretis ofte — mortigi vian edzon! — vin! — min! — Do estu! Kiam vi suprenrampos je bela somervespero sur la monton, tiam memoru min, kiel mi suprenvenis tiel ofte la valon kaj rigardu transen al la tombejo, kiel la vento movetas la altkreskintan herbon en la brilo de la subiranta suno. — Mi estis trankvila komencante, kaj nun mi ploras kiel infano, ĉar ĉio fariĝas tiel viva ĉirkaŭ mi."

Samtage, kiam Werther skribis la laste intermetitan leteron al sia amiko, estis dimanĉo antaŭ Kristnasko, li venis vespere al Ĥanjo kaj trovis ŝin sola. Ŝi okupiĝis ordigi kelkajn ludilojn, kiujn ŝi pretigis por siaj malgrandaj gefratoj kiel kristnaskajn donacojn. Li parolis pri la plezuro, kiun havos la malgranduloj kaj pri la tempo, kiam la neatendita malfermo de la pordo kaj la ekvido de arbo ornamita per vakskandeloj, sukeraĵoj kaj pomoj enigis nin en paradizan ĝojegon. „Vi ankaŭ", diris Ĥanjo kaŝante sian embarason per ĉarma rideto, „vi ankaŭ ricevos donacojn, se vi estos lertega, vakskandeleton kaj ankoraŭ ion." — „Kaj kion vi nomas esti lertega?", li ekkriis, „kia mi devas esti? kia mi povas esti, karega Ĥanjo?" — „Ĵaŭde vespere", ŝi diris, „estos kristnaska vespero, tiam venos la infanoj, mia patro ankaŭ, tiam ĉiu ricevos sian donacon, tiam venu ankaŭ vi — sed ne pli frue". — Werther ekmiris. — „Mi petas vin", ŝi daŭrigis, „nun ja estas tiel, mi petas vin pro mia trankvileco, ne povas, ne povas resti tiel!" — Li deturnis la okulojn de ŝi, iris tien kaj reen en la ĉambro kaj murmuretis tion: ne povas resti tiel, inter la dentoj. Ĥanjo, kiu sentis la teruran staton, kien enigis lin tiuj ĉi paroloj, provis fordirekti de ĝi liajn pensojn per ĉiaspecaj demandoj, sed vane. „Ne, Ĥanjo", li ekkriis, „mi ne revidos vin!" — „Kial tio?" ŝi respondis, „Werther, vi estos, vi devas esti min revidonta, sed moderigu vin. Ha, kial vi devis naskiĝi kun tiu ĉi malkvieteco, tiu ĉi nevenkeble aliĝanta pasio por ĉio, kion vi ekkaptas! Mi petas vin", ŝi daŭrigis prenante lian manon, „moderigu vin! Via mentalo, viaj scioj, viaj talentoj, kiom da diversaj ĝojigoj ili prezentas al vi? Estu viro! turnu tiun ĉi malĝojigan sindonemon for de kreajo, kiu povas nenion fari ol vin kompati." — Li grincigis la dentojn kaj rigardis ŝin malĝoje. Ŝi tenis lian manon. „Nur momenton, trankvilan animon, Werther!" ŝi diris. „Ĉu vi ne sentas, ke vi trompas vin, ke vole vi pereigas vin? Kial do min? Ĝuste min, la propraĵon de alia? Ĝuste tion? Mi timas, mi timas, ke sola estas la neebleco min posedi, kiu faras al vi tiun ĉi deziron tiel alloga." Li tiris sian manon el ŝia, rigardante ŝin rigide, indigne. „Saĝe", li ekkriis, „tre saĝe! Ĉu eble Alberto faris tiun ĉi rimarkon? Politike! tre politike!" — „Ĉiu povas fari ĝin", ŝi respondis. „Kaj ĉu do en la vasta mondo estus nenia knabino, kiu plenumus la dezirojn de via koro? Konvinkiĝu, serĉu ŝin kaj mi ĵuras, ke vi trovos ŝin; ĉar jam delonge timigas min pro vi kaj mi la limiteco, en kiun vi pelis vin. Provu! Vojaĝo distros, devas distri vin! Serĉu, trovu indan je via amo objekton kaj revenu kaj ni ĝuu kune la feliĉecon de vera amikeco!"

Je la deka Werther vokis sian serviston kaj surmetante la vestojn li diris al li, ke li forvojaĝos post kelkaj tagoj, li do devos brosi la vestojn kaj pretigi ĉion por la enpakiĝo; ankaŭ li ordonis ĉie postuli kalkulojn, repreni kelkajn pruntedonitajn librojn kaj antaŭpagi al kelkaj malriĉuloj, al kiuj li kutimis ĉiusemajne ion doni, iliajn partojn por du monatoj.

Li portigis la manĝaĵojn en la ĉambron kaj post la manĝo li elrajdis al la prefekto, kiun li ne renkontis hejme. Melankolie li marŝis en la ĝardeno kaj fine ankoraŭ li ŝajnis amasigi sur sin ĉiujn malĝojigajn memorojn.

La malgranduloj ne lasis lin longtempe trankvila, ili sekvis lin, rakontis al li, ke, kiam estos morgaŭ kaj ree morgaŭ kaj ankoraŭ unu tago, ili iros preni la kristnaskajn donacojn de Ĥanjo kaj rakontis pri la mirindaĵoj, kiujn ilia eta fantazio promesis al ili. „Morgaŭ", li ekkriis, „kaj ree morgaŭ! kaj ankoraŭ unu tago!" kaj kore kisis ĉiujn kaj volis ilin forlasi, kiam la malgrandulo volis diri al li ion en la orelon. Tiu perfidis al li, ke la grandaj fratoj skribis belajn novjarajn bondezirojn, tiel grandaj! kaj unu por paĉjo, por Alberto kaj unu por Ĥanjo kaj ankaŭ unu por sinjoro Werther; tiujn ili volis transdoni matene de la novjara tago. Tio ekkaptis lin; li donacis al ĉiu ion, eksidis sur la ĉevalon, salutigis la maljunulon kaj forrajdis kun larmoj en la okuloj.

Ĉirkaŭ la kvina li venis hejmen, ordonis al la servistino, ke ŝi atentu la fajron kaj bruligu ĝin ĝis la nokto. Al la servisto li ordonis paki la librojn kaj tolaĵon en la kofron kaj enkudri la vestaĵojn. Tiam li verŝajne skribis la sekvantan parton de sia lasta letero al Ĥanjo:

* * *

Vi ne atendas min! Vi kredas, ke mi obeos kaj revidos vin nur la kristnaskan vesperon. Ho, Ĥanjo, hodiaŭ aŭ neniam plu! Kristnaskan vesperon vi tenos tiun ĉi paperon en via mano, tremos kaj malsekigos ĝin per viaj larmoj. Mi volas, mi devas! Ho, kiel mi kontenta estas, ke mi estas decidinta.

* * *

Dume Ĥanjo eniĝis en strangan staton. Post la lasta interparolado kun Werther, ŝi sentis, kiom malfacile estos al ŝi disigi sin de li, kion li suferos, kiam li devos foriri de ŝi. Kvazaŭ preterirante oni diris en ĉeesto de Alberto, ke Werther ne revenos antaŭ kristnaska vespero, kaj Alberto estis rajdinta al iu najbara oficisto, kun kiu li devis fini aferojn kaj kie li devis resti la nokton.

*(Daŭrigota.)*

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Villach* (Aŭstrio). — Fondiĝis la 24 januaro Esp. Unuiĝo por Karintio, por antaŭenpuŝi nian lingvon en Karintio, kie ekzistas ankoraŭ tre malmulte da Esperantistoj. — M. W.

**Novaj kursoj.** — *Breslau.* — De oktobro-novembro 1912 ekzistas entute 17 kursoj; inter ili unu en la imperia telefonoficejo, sub gvidado de S-ro Behrendt, nur por poŝtkaj telegrafoficistoj (36 anoj) kaj Ruĝkruca kurso kun 50 lernantoj. — G. E.

*Clermont-Ferrand* (Franc.). — S-ro Pereira malfermis kurson kun 25 lernantoj. — P.

*Dresden.* — Societo Esperanto komencigis novan kurson sub la gvidado de S-ro Karsch. Del. — J. K.

*Grenoble.* — Rapidege disvastiĝas Esp. dank'al la senĉesaj klopodoj de S-roj Ploussu, Del., kaj Roy, Vicdel. Efektive en tiu urbo ekzistas 13 kursoj ĉe la urbaj lernejoj kaj 5 ĉe aliaj institucioj. S-ro Roy ricevis la permeson fari ĉiusemajne kurson nun sekvatan de pli ol 30 diversregimentaj soldatoj. — E. G.

*Gummersbach* (German.). — Nova kurso malfermita la 21 januaro de S-ro Otte. — O. S.

*Hirschfelde* (German.) — S-ro Pfennigwerth, Subdel., komencis novan kurson. — R. P.

*Philadelphia.* — Du novaj kursoj baldaŭ komencos sub la direktado de S-roj Creston C. Coigne kaj F. Knowlan. — C. C.

*Plzen* (Bohem.). — Kurso de S-ino Tittl ĉe la „Klub Českych Obchodniku"; 52 lernantoj. — F. K.

*Thun* (Svis.) — Nova kurso de S-ro F. Schwarz. — C. H.

*Tornio* (Finlando). — Kurso gvidata de S-ro Kap. Laurin. — L. S.

*Weinböhla* (German.). — Du kursoj por komencantoj kun 31 lernantoj. — A. S.

**Paroladoj.** — *Bern.* — S-ro Schmid faris paroladon en la poŝtoficista unuiĝo; al la kurso aliĝis 42 poŝtoficistoj. — G. E.

*Meissen* (German.). — Ĉe la distriktaj instruistaj unuiĝoj de Wilsdruff kaj Meissen S-ro Sohrmann paroladis pri „Esp. kaj la popola lernejo".

*Plzen* (Bohem.). — La 16 januaro S-ro F. Kavan, konsulo por komerco, kaj S-ino Tittl faris sukcesan paroladon ĉe la „Klub Českych Obchodniku", kiu poste decidis aranĝi kurson. — F. K.

*Tornio* (Finlando). — La 13 januaro S-ro Korpelainen, Del., kun S-ro Salmela, Vicdel., faris longan paroladon antaŭ granda aŭdantaro. Sekvis vigla diskutado, post kiu oni tuj fondis novan Esp. grupon. — L. S.

**Paroladvojaĝo pri Praha.** — S-ro Pitlik paroladis la 6 februaro en *Rouen;* ĉeestis 450 personoj. Plena sukceso. Sur la estrado sidis S-ro Guersent, prez. de la Esp. grupo, S-ro Daniel, 1ª prez. de la apelacia kortumo, S-ro Fichet, delegito de la urbestraro, S-ro Crépieux-Jamin, delegito de Turing-Klubo, S-ro Capon, direktoro de la komerca lernejo, S-ro Etard, Del. UEA, k. t. p. Tradukis S-ro Chauton. La jurnaloj longe raportis. La 11 februaro S-ro Pitlik parolis en Beaune, 350 personoj, tradukis D-ro Fromageot, la 12 en Chaux-de-Fonds, posttagmeze antaŭ 200 infanoj, vespere antaŭ 350 personoj, tradukis D-ro Brandt, la 13 en la universitato de Neuchâtel antaŭ 200 personoj. S-ro Pitlik informas la Esp. grupojn, ke li vizitos Hispanujon de la 25 februaro ĝis la 8 marto, Nordan Italujon de la 9 ĝis la 16 marto, Danujon, Svedujon de la 26 marto ĝis la 6 aprilo, Rusujon poste. — Oni sin turnu al: Esperantista Hejmo, 78, rue de l'Hôtel-de-Ville, Lyon.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Germana Esperanto-Kongreso.* — Ĉar la internacia okazos en Bern de la 24 ĝis la 31 aŭgusto, oni fiksis por *Stuttgart* la 19 ĝis 21 aŭgusto. En sekvanta Nº ni povos sciigi, kiom kostos la kongreskotizaĵo kaj tiam oni tuj povas aliĝi. Post malmulta tempo ni eldonos sigelmarkojn kaj poŝtkartojn diverskolorajn kaj ni petas jam nun ke oni volu ilin multnombre mendi por ĉie konigi nian kongreson. — (Oficiala.)

*Nordfranca Esperanto-Kongreso.* — La 6ª jara kongreso de la Federacio de la Esp. Grupoj de Norda Francujo okazos en *Douai* la 1 junio 1913, sub la prezido de S-ro Rollet de l'Isle, prezidanto de S. f. p. t. La programo baldaŭ estos publikigata. — (Oficiala.)

*Tutaŭstria Esperanto-Kongreso (Graz).* — La preparaj laboroj por la kongreso bone progresas. La nombro de la partoprenantoj ĉiam pligrandiĝas. Ankaŭ samideanoj el eksterlando jam anoncis la partoprenon kaj ankaŭ la propaganda Ligo Parkurbo Esperanto en München sendos oficialan delegiton. Oni ankaŭ invitis la Esperanto-organizaĵojn en la najbaraj landoj.

La provizora programo de la kongreso estas jena:

10 majo: antaŭtagmeze: malfermo de la Esp. ekposicio; posttagmeze: ekzamenoj por instruantoj de Esper. vespere: publikaj propagandaj paroladoj.

11 majo: matene: Dioservo kun prediko en Esper. (eventuale) antaŭtagmeze: solena malfermo de la kongreso; poste propaganda veturado en kaleŝoj sur la korso; posttagmeze: kunsidoj; vespere: teatra prezentado.

12 majo: antaŭtagmeze: kunsidoj; posttagmeze: vizito de la urbo; vespere kunveno sur la kastelmonto aŭ ĉe la Hilmlageto.

13 majo: ekskursoj en la ĉirkaŭaĵo de Graz aŭ komuna pli granda ekskurso.

La adreso de la kongreso komitato estas: Wielandgasse 42, Graz.

*Nederlanda Nacia Kongreso Esperantista.* — Okaze de la jarkunveno de la Nederlanda Societo Esperantista, „La Estonto estas nia", la 27 julio 1913, en Hago, la Haga Grupo organizas nacian tritagan kongreson. Ĉar Hago en tiu-ĉi jaro, pro la malfermo de la Pacpalaco kaj pro la festoj pri la centjara sendependeco estos centro de vizitado de fremduloj, la Kongresa Komitato invitas ĉiujn eksterlandajn gesamideanojn grandnombre partopreni tiun kongreson. Baldaŭ aperos programo kun aliĝilo. Por informoj oni sin turnu al la sekretario de la Kongresa Komitato: S-ro J. R. G. Isbrücker, Riouwstr. 109, Hago. — G. I.

*Saksa Ligo.* — La tago de la Saksa Ligo okazos la 1 aŭ 8 junio en Frankenberg kaj estos ligata kun la distrikta kunveno de U. E. A. por Saksujo. — J. K.

*Dresden.* — La Societo Esperanto havis la 19 januaro en la granda salono de Vereinshaus sian fondiĝfeston. Ĉeestis pli ol 500 personoj. La programo konsistis el muzika parto, en kiu krom la kantistina grupo de la Societo Esperanto sub gvidado de F-ino Lehner partoprenis la koncertkantistino F-ino Fleischer kaj la famekonata violonvirtuozo Pellegrini. Estis krom tio prezentita „Trireĝa ludo", laŭ ideo de F-ino Krabbes verkita kaj enscenigita de S-ro Dir. Kreidl. La multaj belegaj kostumoj, la enmetitaj dancoj kaj kantoj multe plaĉis al la publiko. Riĉa tombolo kaj dancado finis tiun sukcesan feston. — J. K.

# NAŬA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Bern,** 24—31 Aŭgusto 1913

## Kelkaj sciigoj

La organizado de la kongreso bone marŝas. La diversaj komitatoj vigle laboras por prepari belegan feston. La ŝtato senpage ludonas la novan Universitaton por la kunvenoj, kaj por la festaranĝoj ni havos la belajn salonegojn de la nova Kazino. Plej ampleksan laboron plenumas la loĝada komitato, kiu kolektas adresojn de bonaj ĉambroj kaj baldaŭ starigos liston de ili. Poste oni presigos mendilon por la ĉambroj; sed estas rekomendinde, ke jam nun la estimataj gastoj sendu peton pri privataj ĉambroj, por ke oni sciu proksimume kiom da personoj deziras loĝadi en oportunaj privataj ĉambroj. Ni ankaŭ atentigas, ke en Aŭgusto niaj hoteloj pro la alta sezono estas kutime plenplenaj, kaj pro tio estos malfacile trovi hotelĉambrojn por multaj personoj.

Sendante la kotizon (15 Frankoj = 6 Sm.[1]) al la adreso „Kantonalbank von Bern, en Berno" oni tuj aldonu sciigon, ĉu oni deziras privatan ĉambron aŭ ne.

Ni ankaŭ povas jam nun diri, ke la Naŭa ankaŭ havos sian specialaĵon, sed ni ne perfidas jam la sekreton.

En la venonta aŭ la postvenonta numero de nia oficiala organo „Esperanto" ni esperas doni detalojn pri loĝado, teatro, ktp.; intertempe, samideanoj bonvolu grandnombre aliĝi kaj sendi la kotizon al la nomita adreso.

Berno, 10 februaro 1913.

Direktanta Komitato.

# DIVERSAĴOJ.

.˙. *Esperanto kaj Baha'anoj.* — Granda sukceso por Esperanto okazis en Edinburgo dum vizito de Abdul Baha, la fama persa reformisto kaj mistikulo, kaj ĉefo de la Baha'a movado. Tiu movado celas la unuigon de la homaro, kaj inter aliaj aferoj ĝi propagandas la forigon de la milito kaj la kreon de internacia lingvo. Pli ol du milionoj da Baha'anoj troviĝas en Persujo kaj multaj ankaŭ loĝas en Hindujo, Birmo, Rusujo, Turkestano, Turkujo, Sirio, Egiptujo kaj aliaj orientaj landoj. Pro la simileco de celoj kun tiu de Esperanto, la Edinburga Esperanto-Societo kaptis la okazon aranĝi kunvenon por akcepti Abdul Baha. Tiu kunveno okazis la 7 januaro kaj ĉeestis 800 personoj, plejparte kleruloj. Abdul Baha, kiu estis vestita per orientaj roboj, parolis en persa lingvo kaj S-ro Mirza Ahmed Sohrab tradukis anglen. Abdul Baha parolis tute pri internacia lingvo, kaj fine diris:

„Ni danku la Sinjoron pro tio, ke tiu ĉi lingvo Esperanto estas kreita. Ni do ordonis al ĉiuj Baha'anoj en la Oriento, studadi tiun ĉi lingvon tre zorge, kaj post ne longe ĝi disvastiĝos tra la tuta Oriento."

Tiu grava eldiro havos grandan influon sur la Baha'anojn, kaj ŝajne solvos por la esperantistoj unu el la problemoj de propagandado inter la orientanoj, ĉar la Baha'anoj disvastigos Esperanton kun la fervoro de religiuloj. Abdul Baha mendis provizon de esperantaj libroj por la Oriento, kaj esperebIe tre baldaŭ multe da esperantistoj troviĝos inter la Baha'anoj. — *O. E.*

.˙. *Eĥo de la Oka Kongreso.* — La albumo de la kongresanoj, kiun la organiza Komitato promesis eldoni, aperos nepre en fino de februaro kaj enhavos krom portretoj de la kongresintoj ankaŭ ilian liston kun adresoj kaj detalan priskribon de la kongreso, ilustritan per multaj kongresaj bildoj. Ĝi estos presita sur belega kreta papero, lukse bindita kaj ĝia prezo — kiu dependas de la nombro de mendoj — ne superos 4 Sm. kun poŝtafranko, kondiĉe ke ĝi estu mendita ĉe la Komitato, ĉar poste, post fermo de kongresaj kalkuloj, ĝia prezo estos plialtigita. Kongresintoj, kiuj ankoraŭ ne sendis sian fotografajon, bonvolu fari tion *senprokraste,* sendante la bildojn en vizitformato aŭ sur poŝtkarto laŭ la adreso: S-ro Stanislaw Rudnicki, Kopernika 17, Kraków. — Nekongresanoj, kiam ili mendos la albumon, povas ankaŭ sendi la fotografaĵon.

.˙. *Esperanto kaj turismo.* — La urbo Esslingen jus eldonis novan, tre belan gvidlibron, kiu estos distribuata per la reklamil-paketoj de la Virtemberga Esperanto Instituto, Esslingen a. N. Al mendoj oni almetu sendmonon por paketo de 5 kilogramoj.

[1] Per poŝtmandato oni sendu *ĉiam 15 fr.,* ĉar ekzemple 12 markoj ne plene valoras 15 frankoj.

# TRA LA GAZETARO

.˙. *La Ondo de Esperanto* (febr.) *Pri la moroj de nia gazetaro:*

„. . . Apriorie ĉiu povus, eble, supozi, ke nia Esper. gazetaro estas fortike cementita per kolegeco kaj solidareco. Sed, — ho ve! — la faktoj de reala vivo forpelas la belan iluzion . . . Ofte ja okazas, ke homo, kiu revas pri idealo tre malproksima, negliĝas la bezonon de la nuna tago . . . Okazas, ke homo, kiu sonĝas la komunan, tutmondan amon, tutmondan fratecon, tamen ne amas sian fraton, aŭ alian familianon. Tre ofte kosmopolito malamas sian nacion — pro la kosmopolitismo mem. Nu, simile, ni, esperantistoj, predikante (iafoje tro fervore) la ***interlandan*** amikecon, tro malmulte ni zorgas pri la amikeco ***enlanda,*** — amikeco meze de nia samlanda esperantistaro. Entuziasme ni akceptas gaston el eksterlando kaj samtempe ni ne penas ekstermi la intrigon, kiu faris sian neston interne de nia „loka" societo. . . ."

.˙. *Lingvo Internacia* (jan.) Sub titolo *Morala forto:*

„. . . Kie ne estas morala forto, ekzistas nur ŝajno de forto kaj vana brilo. La apogo de la riĉeco kaj de l'altrangeco povas esti multvalora, sed ĝi estas esence nefirma kaj rompebla. Tio, kion kreas nur mono kaj rango, restas ĉiam arta, kiel ili, kaj mallongedaŭra.

Se nia movado ne ripozas sur morala forto, — kion ajn povas diri moke la „praktikaj" kaj „modernaj" homoj, — ĝia intenseco malpliiĝos ĉiutage pli kaj pli. . . ."

.˙. *La Revuo* (febr.) *Babilado* (C. Bourlet):

„. . . La baloto de tri novaj akademianoj estas nun malfermita. La Lingva-Komitatanoj zorgu elekti kolegojn, kiuj havas tempon por labori. Laŭ la regularo, oni povas voĉdoni nur por la kandidatoj prezentitaj de la Akademio. Ili estas ses, kaj cetere ses bonaj Esperantistoj vere kompetentaj. S-ro Edmond Privat estas fama propagandisto, lerta stilisto kaj elokventa oratoro de ĉiuj konata. F-ino Ad. Ŝefer, kiu ricevis la unuan premion en la literatura konkurso de la oka kongreso, estas multlingvistino kaj jam vigle partoprenis en la laboro de la komisiono de S-ro Elb. Niaj anglaj samideanoj S-oj Eggleton kaj Millidge estas ankaŭ kompetentuloj, la unua verkis bonajn artikolojn pri gramatikaj demandoj, la dua estas aŭtoro de vortaro, kiun mi jam laŭdis. Nia kolego, prof. Meazzini, estas unu el la plej bonaj Esperantistoj italaj; li ne nur verkis ŝatindajn vortarojn, sed jam de longe montris sian laboremon, partoprenante en la ellaboro de la teknika terminaro. Fine, nia pola samideano S-ro Zakrzewski, unu el la plej malnovaj Esperantistoj, lerta kaj sciplena poligloto, aŭtoro de diversaj verkoj altvaloraj, sin montris, kiel subtila kritikisto kaj laborema lingvisto. Se oni nur konsideros la esperantan kapablecon kaj lingvan kompetentecon, la elekto inter tiaj eminentaj kandidatoj estos vere malfacila, kaj ĉiu el ni sincere bedaŭros, ke ili ne povas ĉiuj samtempe eniri la Akademion. Sed, miaopinie, nia gvidilo devos esti malpli la fameco, ol la laborpovo de kandidato.

La Akademianeco ne devas esti honora titolo, sed labora ofico. . . ."

.·. *Le Monde Espérantiste* (jan.). *La interna propagando* (P. Fruictier):

„... Oni diras ofte, ke pli facila estas la akiro ol la konservado: bonan pruvon de tio ĉi ni trovas en la Esperantista afero. Iom surpriziga efektive estas la fakto, ke post dudekkvin jaroj de konstanta propagando, la nombro de nunaj Esperantistoj tute ne estas proporcia je la multnombraj varboj anoncitaj ĉiujare; ŝajnas, kvazaŭ Esperantujo estus diversporda palaco, en kies interno trovas sin multpersona societo invitanta ĉiujn preterpasantojn al aliĝado; multaj obeas tiun inviton kaj eniras la palacon, sed ĉar preskaŭ egala nombro de gastoj samtempe eliras el ĝi kaj forlasas la societon, tiu ĉi lasta ne plimultiĝas spite de la plej energia varbado de novaj anoj.

Se do ni volas ne ĉiam vane propagandi, al mi ŝajnas nepre necesa iu ŝanĝo en nia labora sistemo. Tre certe, ni devas daŭrigi la eksteran propagandon kiel ni faris ĝis nun kaj eĉ, se eble, ankoraŭ plivigligi ĝin; sed ni devas samtempe ne forgesi tiun alian flankon de nia afero, la internan propagandon, dank'al kiu la malvarbiĝado de niaj adeptoj estos malhelpata. Alimaniere dirite, la sperto montras al ni, ke se ni volas serioze progresadi, ni devas ne nur akiri novajn partianojn, sed precipe ni bezonas konservi niajn malnovajn adeptojn, tiamaniere ke ni perdu nur kiel eble pli malgrandan parton el ili, nur tiun, kiun forrabos de ni tiu neevitebla malamiko, la morto. ..."

... *Bavara Esperantisto,* nova duonmonata propaganda gazeto, germane kaj esperante, oficiala organo de „Bavara Esperantoligo" (Red. Schussenried-Augsburg).

.·. *Ŝvaba Esperantisto,* duonmonata propaganda gazeto, kun sama enhavo kiel *Bavara Esperantisto,* oficiala organo de „Virtemberga Esperantoligo" (Red. Schussenried-Augsburg).

.·. Favoraj notoj pri UEA aperis en: *Amerika Esperantisto* (jan.), *Norda Gazeto* (jan.).

.·. La gazeto *Japan Trade Review,* aperanta en Tokjo kaj dediĉata al la diskonigo de la japana komerco kaj industrio, publikigas nun Esperantan rubrikon, redaktatan de S-ro Hikosaka.

.·. Favoraj artikoloj aperis en: *Tägl. Rundschau* (22 jan.), *Osnabrücker Zeitung* (18 jan.), *Dresdner Anzeiger* (21 jan.), *Das Flügelrad,* Köln (Nº 2, Nº 4), *Nassauer Bote* (21 jan.), *Deutsche Warte* (26 jan., 2 febr.), *Dresdner Journal* (22 jan.), *Schlesisches Tageblatt* (26 jan.), *Grazer Tagblatt* (28 jan.), *Königskütter Tageblatt* (30 jan.), *Auerbacher Zeitung* (12, 19, 26 jan.), *Lippstädter Zeitung* (18 jan.), *Patriot* (29 jan.), *L'Echo des Ardennes* (23 jan.).

.·. *El Nuevo Mondo,* grava Venezuela gazeto, dank'al la iniciato de S-ro P-ro Maldonado, Del. Caracas, de nun regule publikigos informojn pri nia movado.

.·. Unu el la plej grandaj usonaj jurnaloj, *The Cavalier* intencas publikigi artikolon en Esperanto ĉiusemajne. La kosto de la jurnalo estas 20 sd. La artikoloj estos publikigataj kiel eksperimentoj. Ĉiu propagandista samideano devus aĉeti kelkajn ekz. de la gazeto. Sin turnu al *The Frank Munsey Co.,* 175 Fifth ave., New-York City, U. S. kaj Temple House, Temple Avenue, E. C., *London,* Eng., *The Cavalier Magazine.* (Skribu por ĝi en Esperanto.) — C. C.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Regularo pri la kolektado kaj administrado de la Garantia Kapitalo de UEA.

§ 1. — Por plifortigi sian financan situacion kaj disvastigi sian laborkampon, UEA starigas Garantian Kapitalon da dek mil Spesmiloj (du dek kvin mil frankoj).

§ 2. — La kapitalo estas dividata en du cent partoj po kvindek Sm. (125 frankoj) reprezentataj de atestoj kaj akireblaj po unu aŭ pluraj ekzempleroj de ĉiu persono aŭ organizaĵo deziranta subteni la celadon de UEA.

§ 3. — La Garantiantoj estas dumvivaj membroj de UEA, la garantiantaj organizaĵoj fariĝas tridekjaraj Esperantiaj Entreprenoj, laŭ § 7 de la Statuto de UEA. Ili rajtas privoĉdoni kaj kontroli la uzon de l'kapitalo, kaj ricevas senpage la oficialan organon de UEA kiel ĉiujn aliajn presaĵojn. La organizaĵoj valorigas siajn rajtojn per unu de ili elektata reprezentanto.

§ 4. — La kapitalo kolektiĝas per promesiloj. Tiuj ĉi ne povas enhavi specialajn kondiĉojn. Ili fariĝas devigaj se ses monatojn post komenco de l'oficiala kolektado almenaŭ kvin mil Spesmiloj (dek du mil kvin cent frankoj) estas promesitaj. Oni avertos pri tio la garantiantojn, kiuj devos pagi la promesitan monon plej malfrue tri monatojn post tiu informo. Krom la provizora kaskvitanco ili ricevos la korespondan nombron de numeritaj atestoj, kiuj portos la nomon de la garantiinta persono aŭ organizaĵo kaj la oficialajn subskribojn de UEA. La atestoj estas personaj. La kolekton de l'kapitalo oni daŭrigos ĝis ĉiuj atestoj estos akiritaj.

§ 5. — La Garantia Kapitalo konsistas el la pagitaj partoj, el la ĝisnuna rezerva kapitalo kaj el donacoj de minimume 50 Sm. al ĝi destinataj. Ĝi apartenas al UEA sed estas speciale administrata.

§ 6. — La celo de l'garantia kapitalo estas: plifortigi la financan staton de UEA, subteni la regulan administradon kaj ebligi novajn laborojn kaj servojn por kiuj ne sufiĉas la kutimaj enspezoj. Tamen se la duono de la pagita kapitalo devis esti uzata nur por la regula administrado kaj se oni ne povis atingi, ke per plialtigo de l'kotizaĵo aŭ per aliaj regulaj enspezoj la Asocio subtenu sin mem, tiam la Garantiantoj rajtas decidi la reprenon de l'resto je la fino de l'financa jaro.

§ 7. — La garantiantoj rajtas: elekti la administrantaron de l'kapitalo, postuli voĉdonojn aŭ voĉdoni pri speciale gravaj aferoj, voĉdoni pri repreno laŭ § 6. Ĉiu pagita atesto donas unu voĉon. La elektoj kaj voĉdonoj fariĝas laŭ simpla plimulto, decido pri repreno de l'kapitalo bezonas du trionojn (rilate al la alvenintaj voĉdoniloj). Povas postuli voĉdonadon la kvinono de la garantiantoj kaj la personoj aŭ organizaĵoj kune posedantaj la kvinonon de la atestoj. Se repreno de l'kapitalo estas decidita, oni unue egaligas ĉiujn pasivojn de UEA, dekalkulas la monon gajnitan alie ol per pago de la garantiantoj, dividas la restantan kapitalon per la nombro de ĉiuj pagitaj atestoj kaj elpagas la sumojn. La partoj de la mortintaj garantiantoj apartenas al UEA, kies financa fakestro ilin reprezentas. Okaze de dissolviĝo de UEA la kapitalo estos redonata al la garantiantoj laŭ la supra kalkulmaniero. Post tridek jaroj la kapitalo fariĝas libera posedaĵo de UEA kaj estos uzata laŭ la decidoj de ĝia Komitato.

§ 8. — La Administrantaro konsistas el tri garantiantoj, elektataj por tri jaroj kaj reelekteblaj. Konforme al la principoj de § 6 kaj la postuloj de l'garantiantoj ili decidas pri la monsumoj donotaj al la Centra Oficejo de UEA kaj konserviĝas en banko, sub sia persona respondeco, la reston de l'kapitalo. Ili informas la Prezidanton de UEA pri siaj decidoj, raportas ĉiujare al la Komitato kaj al la garantiantoj, sed ankaŭ havas la rajton kunlabori en la starigo de la kalkuloj, bilancoj kaj buĝetoj de l'Asocio.

§ 9. — Ŝanĝoj de tiu regularo devas esti akceptataj de du trionoj de la voĉdonintoj. Sen konsento de ĉiuj garantiantoj ne povas esti ŝanĝataj la specialaj rajtoj al ili rezervataj.

§ 10. — Oni ŝanĝos la Statuton de UEA en tiu senco, ke sub rezervo de jam akiritaj rajtoj estas dumviva membro nur persono paginta almenaŭ unu ateston kaj tridekjara Esperantia Entrepreno nur la organizaĵoj pagintaj almenaŭ unu ateston se ili havas karakteron de Esperanta organizaĵo kaj du atestojn sen tio. Ĝis la Administrantaro estos laŭregule elektata de la garantiantoj, la Komitato de UEA provizore elektos ĝin.

Regularo akceptita de la Komitato de UEA. — Oktobro 1912.

*La Prezidanto,* **H. Bolingbroke Mudie.**

*La Financa Fakestro,* **Ed. Stettler.**

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 31 januaro estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 3181 kotizajoj (el kiuj 112 subtenantoj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 215; Laborista Fako: 11; Virina Fako: 37; Studenta Fako: 22.

**Statistiko.** — Jen la movado de la korespondajoj ĉe la C. O. de U. E. A. dum januaro 1913:

| Ricevitaj | Mandatoj | Forsenditaj |
|---|---|---|
| 1280 | 298 | 1680 |

Tuta sumo: 3258. Antaŭa monato: 2972. Antaŭa jaro (sama monato): 3340.

**Balotado de la Delegitoj.** — Ni publikigas ĉi-sube la kvaran liston de la balotoj de la Delegitoj. (Vidu la unuajn rezultatojn en *Esperanto* de 20 decembro, 20 januaro kaj 5 februaro).

En la suba tabelo la unua cifero, post la nomo de la regiono, montras la nombron de la membroj, la dua la nombron de la voĉdonintoj. La substrekitaj nomoj montras la ĝisnunajn Delegitojn.

AUGSBURG. — 57; 19. — D: *Schmalz* 17 E; D-ro Ledermann 2. — VD: D-ro Ledermann 9 E; Arnold 3; *Lingenhöhl* 2; D-ro Pfluger 2; Geiger 1; D-ro Kimpel 1; Schmalz 1.

TROYES. — 44; 10. — D: *H. Debarry* 10 E. — VD: *R. Petetin* 10 E.

En la ĝis nun okazintaj balotoj partoprenis 526 personoj el 2418 membroj.

Ni konstatas, ke en sufiĉe multe da regionoj ne ankoraŭ okazis la laŭstatuta balotado, malgraŭ la alsenditaj instrukcioj. Ni petas niajn Del., ke ili bonvolu ĝin plej baldaŭ aranĝi kaj sendi al ni regulan protokolon. La nomoj de la regionoj, kies balotprotokolon ni ne ricevos antaŭ la 28 februaro, aperos en *Esperanto.*

**Financoj.**

*Konteltiro de U. E. A. por la monato novembro 1912:*

| Enspezoj | Sm. | Elspezoj | Sm. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 885. 27 | Oficejo | 33. 04 |
| Subtenantoj | 106. — | Salajroj | 225. 84 |
| Entreprenoj | 513. 89 | Korespondado | 154. 14 |
| Jarlibro | 244. 09 | Materialo | 2. — |
| Pagitaj servoj | 40. — | Presajoj | 72. 28 |
| Transskriboj | 21. 33 | | 487. 30 |
| | | Saldo | 1323. 28 |
| | 1810. 58 | | 1810. 58 |

*Konteltiro de U. E. A. por la monato decembro 1912:*

| Enspezoj | Sm. | Elspezoj | Sm. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 552. 49 | Oficejo | 35. 24 |
| Subtenantoj | 40. 50 | Salajroj | 294. 80 |
| Entreprenoj | 244. 71 | Korespondado | 60. — |
| Jarlibro | 39. 67 | Materialo | 114. 40 |
| | | Presajoj | 208. 04 |
| | | Adm. Elspezoj | 24. — |
| | | | 736. 48 |
| | | Saldo | 140. 89 |
| | 877. 37 | | 877. 37 |

**Al niaj korespondantoj.** — La financa fako de U. E. A. petas siajn korespondantojn ke ili adresigu siajn ĉekojn, pagilojn k. t. p. al: *Universala Esperanto-Asocio,* aŭ: *Financa Fako de U. E. A.* sed ne skribu sur ili la privatajn nomojn de l' direktoro, financa fakestro aŭ aliajn. Por prokastoj kaŭzitaj de la sanĝo de tiaj privataj paperoj la financa fako ne povas akcepti la respondecon.

**Novaj Delegitoj.**

*Chemnitz* (Germanujo, Saksujo). — D.: D-ro Fritz Wicke, instruisto, Zietenstr. 89/II.

*Hiroŝima* (Japanujo). — D.: Kunitaro Takahaŝi, inĝeniero, Otemaĉi 8, Ĉome.

*Jujurieux* (Francujo, Ain). — SD.: Victor Bottex, kombisto.

*Mexico* (Meksikujo). — SD.: Antonio M. Aldana, studento, 9-a Mosqueta 247.

*Muggia* (Aŭstrio, Istrio). — SD.: Bonomo Rizzi, imp. reĝa oficisto, edificio scolastico.

*Nossen* (Germanujo, Saksujo). — D.: Martin Zschiedrich, instruisto.

*Rimini* (Italujo). — VD.: Antonjo Turolla, komerca korespondisto, Fabbrica di Birra Spiess.

*Silistria* (Bulgarujo). — D.: Jonco Davidoff, industriisto.

*Villach* (Aŭstrio, Kärnten). — D.: D-ro Max Wedam, fervojisto, k. k. Staatsbahndirektion.

**Ŝanĝoj.**

*Brünn* (Aŭstrio, Moravio). — D.: Gottfried Neubauer, korespondejestro, 14/II Gomperzstr.

*Cadiz* (Hispanujo). — SD.: Manuelo Terrones del Pino, instruisto, Segismundo Moret 28.

*Capodistria* (Aŭstrio, Istrio). — D.: P-ro Demetrio Cossaro; VD.: Giusto Beranek, lernejestro.

*Draguignan* (Francujo, Var). — D.: Paul Caire, oficisto de la pontoj kaj vojoj, 25 Allées d'Azémar.

*East Maitland* (Aŭstralio, New South Wales). — Edgar Alfred Pryke, komercisto, „Espero" King Street.

*Genova* (Italujo). — VD.: Giovanni Bacchi, komercisto, Via Michele Novaro 2—3.

*Kamiŝin* (Rusujo, Saratov gub.). — Gregoro Terentjev, librotenisto, Starij gorod. Ĉasovennaja ul.

*Krasnojarsk* (Siberio). — VD.: S-ino N. J. Afanasjeva, Bolŝekaĉenskaja ul. d. Langvald.

*Perigueux* (Francujo, Dordogne). — D.: Gustave Charles Darnet, ekskomandanto de artilerio, 1 Bd. de Vésone.

*Ŝepetovka* (Rusujo, Vol. gub.). — VD.: Zaĥar Krasnogor.

*Troyes* (Francujo, Aube). — VD.: Romain Pététin, 46 faubourg Croncels.

**Eksiĝoj.**

*Annonay* (VD.: Grimaud); *Buenos Aires* (D.: Muinos); *Trojan* (SD.: Stojev).

# PRAKTIKAJ DEMANDOJ

II

3. *Garantia Kapitalo.* Niaj legantoj trovos en tiu ĉi № la tekston de la alvoko pri la kolektado de la Garantia Kapitalo. Ni ne bezonas ĝin speciale rekomendi al ĉiuj samideanoj, kiuj povas nun helpi. Por firme starigi UEA sur bona financa bazo, du rimedoj estas akceptitaj de nia kongreso kaj poste de la ĝenerala voĉdonado de la Delegitoj: plialtigo de la kotizajo, fondo de garantia kapitalo. La unua permesos al nia Asocio sendeficite ekzisti — kondiĉe ke la membronombro superu la necesan minimumon (6000); la dua permesos forigi la antaŭan debiton kaj plibonigi nian agadon per entreprenoj, kiuj komence postulas malgrandan kapitalon. La fakto, ke nur sekve de privataj klopodoj pli ol la duono de la petata sumo, estas subskribita, montras, ke UEA kreis al si aron da fervoraj amikoj, kiuj fidas al ĝi kaj ŝatas ĝian laboron. Ili tie ĉi bonvolu akcepti la esprimon de nia dankado. Ni esperas, ke inter nia legantaro ili trovos multajn imitantojn, tiel ke la dezirata sumo povu esti plene kolektita por nia IVa Kongreso.

La regularo de la G. K. estis longe pripensita. Ĝi lasas al la garantiantoj klarajn kontrolrajtojn pri la uzo de ilia mono kaj plie donas al ili ŝatindajn profitojn: dumviva membreco, dumviva abono al nia gazeto, ricevo de la oficialaj eldonaĵoj de UEA. Sen klara financa bazo UEA ne povas progresi. Plena solvo estis necesa, tiel ke ne ĉiujare la sama demando enkatenigu nin ĉe ĉiu movo. Ĝia realigo dependas nun de la publiko, kies decidon ni kun konfido atendas.

4. *Paroladvojaĝoj*. La lastan jaron, oni rememoras, S-ro Parrish, nun ree en Usono, faris sukcesan peresperantan paroladvojaĝon pri Kalifornio. Li travojaĝis tutan Eŭropon kaj en la daŭro de unu jaro vizitis ĉirkaŭ 160 urboj, kie li senlace paroladis. Lia kuraĝa — kaj sukcesinta — iniciato naskis aliajn. S-ro P-ro Pitlik komencis tra Eŭropo paroladvojaĝon pri Praha kaj Bohemujo, kiu, laŭ la ĝisnunaj raportoj, havis tre bonajn rezultatojn kaj ĉie trafis sukceson. Niaj diversaj korespondantoj, kiuj sendis informojn pri la vizito de S-ro Pitlik, laŭde parolas pri la efiko de tiuj paroladoj, akompanataj de belegaj lumbildoj. Mi ne bezonas diri, ke tiaj iniciatoj, se ili estas aranĝataj en bonaj kondiĉoj, estas multe pli utilaj kaj pruvaj, ol teoriaj predikoj per gazetartikoloj aŭ cito de eminentulaj nomoj.

El Parizo, S-ro Pitlik skribas al ni: „Mi precipe nun konvinkiĝis, ke la servoj de UEA estas necesaj por la Esperantistoj, kaj devas ankaŭ pro tio ĉi tiun institucion el ĉiuj siaj fortoj subteni.“

(*Daŭrigota*). *H. H.*

# Esperantia Parolejo

## Oni proponas!

∴ S-ro *A. Pagirev*, Del. en Kamenj-Rybolov, proponas, ke UEA eldonu specialajn insignojn por Delegitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Konsuloj.

[Respondo: UEA fabrikigas nun specialan insignon por Del. Ni nun tute ne vidas la necesecon de alia speciala insigno por Vicdel., Subdel. aŭ Konsulo. — Dir.]

∴ S-ro *Frieg*, Esp-iano en München, proponas, ke kiel ĝis nun oni komencu la komercan jaron de UEA je la 1 novembro kaj eldonu la jarlibron en januaro, sed pri servoj oni havu la rajton de post ricevo de membrokarto ĝis la fino de l'kuranta jaro, ekz. ĝis 31 decembro 1913. „Estas nedubeble, ke inter la balotado kaj la apero de la jarlibro devas esti sufiĉe da tempo por korektigo, sed per tio la membroj vere perdas preskaŭ kvaronon de l'jaro. Oni konservu nian oficialan jaron, sed daŭrigu la rajton pri servoj ĝis la fino de la leĝa jaro. Tiam oni kompensus sufiĉe kaj forigus la plenrajtan plendon de l'membroj.“

[Respondo: Tiu propono estos ekzamenata de la C. O. kaj de la Komitato de UEA. — Dir.)

## Oni laŭdas!

∴ S-ro *P. Herreman*, Esp-iano en Calais, dankas S-ron Outen, Del. en Nottingham, ĉe kiu li ricevis koran akceptadon kaj dank' al kiu li povis trovi fruktodonan laboron.

∴ S-ro *R. E. Blackstone*, Del. en Boise, Idaho (Usono), tre dankas S-ro N. Ĉorbaĝiev, Del. en Pleven (Bulgarujo), pro la bonega letero sendita, post peto, pri la milito. „Mi enpresigis la tutan leteron, anglen tradukitan en la plej grandan ĵurnalon eldonitan en la ŝtato Idaho. Pro ĝi mi opinias, ke mi faris bonegan praktikan propagandaĵon por Nia Kara...“

# Esperantia Vivo

**Honorigo.** — S-ro Ch. Verax, kiel propagandisto de Esperanto kaj redaktoro de „Scienca Gazeto“ estas elektita Akademia oficiro. Gratulojn al nia talenta samideano, kiu jam multe laboris por la adapto de Esp. al la scienco.

**Naskiĝo.** — Al ges-roj Vermandels-Diels (Antverpeno) naskiĝis filo.

**Edziĝoj.** — S-ro Hutin, Del., kun F-ino Hertz, ambaŭ agemaj Esp-ianoj el Vienne (Francujo).

**Morto.** — Ni kun ĉagreno eksciis la morton de S-ino Vallienne, la vidvino de nia eminenta samideano D-ro Vallienne, la aŭtoro de la belaj tradukoj de Eneido kaj de konataj originalaj romanoj. S-ino Vallienne mem estis lerta verkistino, kunlaborantino de pluraj francaj revuoj kaj verkistino de kelkaj ĉarmaj propagandaj komedioj ofte ludataj en niaj Esperantaj festoj.

# Alvokoj

## Nova oficiala uzado de Esperanto

Ni plezure represigas ĉi sube cirkuleron, kiun eligis la konservisto de l'ĉiekonata *Bois de Boulogne*, apud Parizo, por la venonta konkurso inter ĉiulandaj rozkulturistoj. Ĝi estas verkita en kvar lingvoj: franca, angla, germana kaj ... Esperanta. Ni ĝoje rimarkigas tiun novan alprenon de Esperanto en la administraciaj medioj kaj treege instigas niajn samideanojn-rozkulturistojn partopreni tiun konkurson, aŭ almenaŭ ĉiujn Esperantistojn konigi ĝin al eblaj konkursontoj neesperantistoj. Jam Dano antaŭ kelkaj jaroj petis sciigojn *en Esperanto* pri simila konkurso kaj tio kredeble decidigis la estraron uzi hodiaŭ ĝian rektan peron por la alvoko jena:

Sinjoro,

Mi havas la honoron rememorigi al vi, ke en 1913—1914 ĉe *Bagatelle*, same kiel dum la lastaj jaroj, okazos prezentado de la novaj rozoj, kiujn la produktantoj bonvolos sendi al ni, kun la nomo de ĉiu rozo kaj tiu de l'eltrovisto. Tiuokaze, mi permesas al mi atentigi vin pri la rekomendoj faritaj de la juĝantaro, kiu komisiis min por ilin transdiri al la rozkulturistoj partoprenontaj la konkurson,

La plantoj devos esti, laŭeble, kulturitaj en potoj, kaj esti sendataj po kelkaj ekzempleroj kvin tagojn almenaŭ, al „la Rozarbejo de Bagatelle [1]“, antaŭ la 15 Aprilo, kun noteto pri ilia deveno, ilia parencaro kaj, se bezone estas, kun la necesaj sciigoj pri la specialaj zorgoj, kiujn ili postulas.

La novaj rozarbetoj prezentotaj estos plantitaj en ĝardenan teron, tuj post sia alveno ĉe Bagatelle, kaj tie restados en sama loko ĝis la oktobra monato de la dua jaro, por ke la juĝantaro povu studadi, dum du sezonoj, ilian floradon kaj ilian meriton, laŭ la vidpunkto de la vegetadmaniero.

Bonvolu akcepti, Sinjoro, la esprimon de mia plej alta estimo.

*La Konservisto*
de la „Bois de Boulogne“.

En la katalogeto de la Rozarbejo de Bagatelle, ni petos de la eldonisto, ke li bonvolu de nun enskribi la nomon kaj adreson de ĉiu prezentanto. La Katalogo de Bagatelle estas eldonata de la „Librairie Agricole“, 26, rue Jacob, Paris.

## Sporto provas Esperanton

Direktoro de semajna ĵurnalo „Sporto kaj Ludoj“ (Kiev, Rusujo) decidis havigi al si eksterlandan kronikon *ekskluzive per Esperanto*.

Samideanoj! Tuj kiam en via regiono okazis aŭ okazos ludmatŝo aŭ vet, -kuro, -naĝo, -flugo, -veturo, -glito, -navigo, ia rekordo

[1] La sendaĵoj devas esti farataj al la jena adreso: Le Conservateur des Promenades de Paris, Roseraie de Bagatelle, au Bois de Boulogne, à Paris. En gare de Neuilly-Porte-Maillot-Paris.

stariĝis, aperis interesaj opinioj pri sporto, statistikaĵo aŭ ilustraĵo — ĝenerale ĉion, kio povas interesi sportiston, priskribu koncize kaj sendu al: V. Tračevskij, B. Podvalnaja 25, Kiev (Rusujo). Se la sendaĵo estas ĉerpita el gazeto, oni citu ties nomon kaj daton.

Konsideru la propagandan signifon de la fakto kaj tion, ke la valoraj komunikaĵoj estos rekompencataj. *V. Tračevskij.*

## Esperanto kaj sporto

Ĉiuj esperantistoj, francaj aŭ fremdaj, kiuj interesiĝas pri iaj ajn sportoj kaj estus favoraj al la ideo fondi „Sporta Fako" bonvolu skribi al S-ro Gabriel Gasc, Del., Villeneuve-sur-Lot (Francujo).

La Sporto estas esence internacia. La atletoj de ĉiuj landoj pli kaj pli kutimas partopreni konkursojn, kiuj okazas eksterlande. Ĉiun Dimanĉon multaj anglaj football-ludistoj venas Francujon kaj reciproke; dum la pasinta somero dek nacioj estis reprezentataj en Stockholmo (Olimpaj ludoj). La Sokolfestoj en Praha altiris multnombrajn fremdajn gimnastikistojn. Ludistoj de football de Sudafriko entreprenis lasttempe rondvojaĝon en Anglujon kaj Francujon. Oni povus facile multobligi ekzemplojn de la internacieco de la sporto kaj pruvi tiamaniere la intereson fondi specialan fakon, kiu klopodus disvastigi nian lingvon en la sportaj kluboj.

Por tio estas necese konatiĝi reciproke por alveni poste al interkonsento.

*Gabriel Gasc,*
Del., Villeneuve-sur-Lot (Francujo).

---

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.*
PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

ABBEVILLE (Francujo, Somme). — S-ro Furcy Racine, 120, Bd. de la République, PI.

ADONY (Hungarujo), — S-ro Ludoviko Balint, bankoficisto, PI. PM. (kun ĉiuj landoj).

AMSTERDAM (Nederlando).—S-ro L. Kruisbrink, Heizersgracht 82, PI. L.

ARMAVIR, KUB. OBL. (Rusujo, Kaŭkazo). — S-ro Anatolo Dobatovkin, Atamanskajastr. 54, PI. bfl. (esperante, france, germane; prefere tipoj en la nacia kostumo, eble koloraj kaj antikvaj preĝejoj aŭ ruinoj).

AUGSBURG (Germanujo). — S-ro Richard Treiber, Bahnhofstrasse 20, PI.

BALAKOVO (Rusujo, Sam. gub.). — S-ro K. Trzcinski (kursanoj dez. kor. PI. kun afrikanoj kaj aŭstralianoj).

BRUEX (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jos. Beller, Weitmilg 1057 ĉe S-ro Fr. Bures.

ĈES. BUDEJOVICE (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Vaclav Sykora, Klaritzova strato 733, PI. bfl.

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz instruisto, PI. PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DIJON (Francujo). — S-ro G. Lavrut, rue des Forges, L. PK. (pri sociaj temoj kaj ĉiulandaj kutimoj).

DRESDEN N. (Germanujo). — S-ro Wilh. Herrmann, Mohnstr. 6. (nur kun ekstereŭropanoj).

DUISBURG-RUHRORT (Germanujo). — S-ro W. Grzeŝkoviak, Kaiserstr. III, PI.

ELBERFELD (Germanujo). — S-ro Kurt Henke, Hofkamp 28, PI. (kolektas gvidlibrojn de urboj kaj esp. gazetojn, korespondado prefere kun neeŭropanoj).

JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Vaclav Kostka, Pädagogium, PI.

JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jaroslav Podobsky, Pädagogium, PI. L.

KAMENJ-RYBOLOV (Rusujo). — S-ro Aleksandro Pagirev, vilaĝanestro, PI. PM. bfl. (kun ĉiulandaj samideanoj escepte rusaj, aŭstriaj, hungaraj, francaj, germanaj kaj hispanaj).

KIEL (Germanujo). — S-ino W. Missbach, Schauenburgerstr. 19, PI. (kun eksterlandanoj).

KIEL (Germanujo). — S-ro H. Stahmer, Kirchhofsallee 104, PI. PM.

KIEL (Germanujo). — S-ro B. Lage, Dammstr. 60 (sendas por ĉiuj ajn esp. glumarkoj belegajn PI. pri la Germana milithaveno kaj ŝiparo).

KIEV (Rusujo). — F-ino E. K. Kaminskaja, Gimnaziĉeskaja 2—17, nur PM., por kiuj sendos lau deziro PI. aŭ PM.

LAVALLA (Francujo, Loire). — S-ino Odin PK. L.

LONS-LE-SAULNIER (Francujo, Jura). S-ro Adolphe Pradeloux, 7e compagnie, 44e rég. d'infanterie, PI. bfl. (kun ĉiuj landoj).

MATADI (Congo, Afriko). — S-ro J. Sys, Cie. Belge Maritime du Congo (precipe kun vegetaranoj pri vegetarismo en la trupoj).

MLADA BOLESLAV (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jan Malek, Kolonie 153, cislo dveri 2.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro M. G. Kiselev, Uezdnaja Zemskaja Uprava, PI. L.

MUENSTER I. W. (Germanujo). F-ino Poetter, Verspoel, PI. (kun negermanaj gesamideanoj).

NARVA (Rusujo, Estlando). — S-ro J. Friedrichsmann, magazeno de J. Luikmel, PI. L. (nur kun ekstereŭropanoj kaj kun fraŭlinoj).

OPLADEN BEI KÖLN (Germanujo). — S-ro Hans Truss, Kölnerstrasse 32, PI. (kun ĉiuj landoj).

OREL (Ruslando). — S-ro Boris Popov, Ĉerkasskaja 27, PM. Sigelmarkoj, L. (kun filatelistoj).

PARIS 19 (Francujo). — S-ro L. Surateau, 253, rue de Belleville, 17-jara, PK. (kun ĉiuj samideanoj escepte francaj).

PARIS (Francujo). — S-ro E. Petitimbert, 32, rue Albany (kun eksterlandanoj).

ST. PETERBURGO (Rusujo). —F-ino S. Ivanova, V. O. 16a linio 79, loĝ. 19 (kun neeŭropaj samideanoj).

PHILADELPHIA, XXXIst (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2. 157 E. Cumberland st. (Pri germana filozofio; Kant'a transcendentismo).

PIHL APUD HAIDA (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ferd. Jochmann, Pihl 25, PI.

POSEN (Germanujo). — S-ro Witold Grochowski, studento, Bismarckstr. I, L. PI.

WEINBÖHLA-DRESDEN (Germanujo, Saksujo). — S-ro Arthur Sohrmann, instruisto (kun gesamideanoj el Varsovio, Turkujo, Grekujo kaj ekstereŭropaj landoj, tre volonte kun kolegoj). L. PI.

ZOLOTONOŜA (Rusujo, Polt. gub.). —S-ro Aleksandro Bobrovnikov, gimnaziano, Moskova ul № 6 (kun nerusoj, bakanuloj, amerikanoj kaj precipe neeŭropanoj).

ZOLOTONOŜA (Rusujo, Polt. gub.) — S-ro Ab. Klimovskij (kun ĉiuj malproksimuloj dezirantaj senĉesan interŝanĝon per L. PK. PI. PM.)

ZUERICH I (Svisujo). — S-ro Robert Blohm, Marktgasse 16/II, PI. (kun ĉiuj landoj).

ZUERICH IV (Svisujo). — S-ro Artur Ganz, Schaffhauserstr. 173, PI. (kun ĉiuj landoj).

---

## PETOJ KAJ PROPONOJ

24-JARA FRAŬLO, RUSO, deziras edziĝi je juna angla aŭ amerikana Esperantistino, kiu havus senriproĉan karakteron. Materiala kaj societa stato estas por mi indiferenta. Mi petas respondi nur serioze. Kun unua letero estas necesa fotografaĵo. Mem mi servas je ruslanda regna ofico, ricevante 1200 Rbl. jare. Kredu! Mia propono estas tute serioza. TAŜKENT, *Ruslando*, Pereselenĉeskoe upravlenie, S-ro *D. A. Vorobjev.*

---

ESPERANTAJN SIGELMARKOJN kolektas *H. Böbs*, Gertrudenstrasse 17, Lübeck (Germanujo). Riceveblaj estas propraj markoj kaj oficialaj de Nordalbinga Ligo.

---

ESPERANTO EN SAKETO. — Gesamideanoj, *korespondu* inter vi per tiu utila kaj agrabla lernoludo. — Por ricevi saketon da 200 pecoj sendu 1. — Sm (2.50 fr.) al S-ro L. BOUZAC, Del., Avenue de Bayonne, *Biarritz* (Francujo). — NOVA KAJ INTERESA.

---

ESPERSTENO: Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo: Sm. 0.50 (aŭ 5 responkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

---

FIANĈIĜO. — Per tio F-ino. Slulda *Boberg* kaj S-ro *A. R. Oru*, Vicd. de UEA, Gefle (Danujo), anoncas sian fianĉiĝon.

---

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de U. E. A. 1913. — Delegito de U. E. A. Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Brazilujo.

---

JÜNGEL, F. G. — *Dresden-A.*, Westendstr. 22 (Germanujo). — Ĉiuj samideanoj estas petataj, peti de la firmo esperantan katalogon por instigi ĝin al tia eldonado.

---

KIUJ DEZIRAS KORESPONDANTOJN en Marseille kaj tuta Provenclando, tiuj bonvolu sin turni al S-ro *Giraud*, Provencfederacia sekretario, 2, rue du Nil, *Marseille* (Francujo).

---

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso: Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

---

LUCIFER (*novaĵo por biciklistoj*). — Leĝe patentita en Germanujo; aŭtomata densigilo por difektitaj pneŭmatikoj. Prezo afrankite: 50 sd. *Rob. Pfennigwerth*, sd. de UEA, Hirschfelde i. Sa. (Germanujo).

---

MI DEZIRAS EKKONI, ĉu ekzistas serioza institucio, kiu dungas propagandistojn kontraŭ stipendio por Esperanto kaj servadoj de UEA. — Atendante respondon mi dankas. — *Cosmo Ricca*, 2—3, Vojo Giro Tomm Invrea, *Genova* (Italujo).

---

POŜTMARK-KOLEKTANTOJ. — Ĉiuj eksterlandaj kolektantoj de PM., kiuj volas pligravigi sian kolekton de francaj kaj franckoloniaj PM., bonvolu adresi proponojn al S-ro *J. de CHESTER, Avenue de la Gare, BOUDY, Seine* (*Francujo*), kiu tuj respondos. Ne poŝtmarkvendisto, li informas, ke interŝanĝoj estos farataj serioze kaj kun reciproka fido.

---

POŜTMARK-KOLEKTANTOJ ATENTU! — Sendu al mi diversajn PM. de via lando kaj vi ricevos la samajn valorojn aŭ, kontraŭ tri respondkuponoj, tutan serion ĝis po 3 markoj en germanaj PM. Adreso: *Kreide kaj kunuloj*, Waisenhausstr. 21, *Dresden* (Germanujo).

---

STUDENTOJ de naturscienco, kiuj deziras pasigi kelkajn monatojn en Davos, en belega ĉirkaŭaĵo, por studi iun branĉon de Alpa geologio, zoologio aŭ botaniko, povas trovi laborejon kaj laŭdezire instruadon kaj helpadon, pagante Sm 60 por la sezono (tri monatoj). Internacia Naturscienca Instituto, Davos-Dorf. Informoj de D-ro W. Marchand, Subdel. U. E. A. Luginsland, Davos-Dorf, Svisujo.

---

VOJAĜONTE venontan julion al *Vieno, Budapesto, Bosnio, Hercegovino, Dalmatio, Brione* k. t. p. mi serĉas 2 aŭ 3 kunvojaĝontojn. Oni skribu: *F. Rockmann*, Klewitzstrasse 12, *Magdeburg* (Germanujo).

---

